# Jaro de ŝanĝoj

Ĉi tiu numero de IPR atingos la legantojn en la antaŭfesta etoso, fine de la jaro en kiu okazis ŝanĝoj de la *Estraro*, *Internacia Ekzamena Komisiono* (IEK) kaj aliaj instancoj de ILEI. La *Estraro* nun okupiĝas pri evoluigaj ŝanĝoj en la agadprogramo de ILEI indikitaj en la gvidlinioj kiujn la *Komitato* aprobis por la sekvantaj tri jaroj. Pri unu el la evolupaŝoj – nova fazo de la projekto *Flugiloj de Malfacila Vento* – venas artikolo el la klavaro de *Irina Gonĉarova*. Pri aliaj la estraro diskutos en kunsido meze de novembro. La nova IEK realigis du ekzamensesiojn post UK kaj planas novajn. IEK-anoj aktuale diskutas pri la plivastigo de *Internacia Rajtigita Ekzamenantaro* (IRE) kun la celo, ke en ĉiu lando ekzistu kompetentaj rajtigitoj por proksimigi la ekzamenojn de ILEI/UEA al pli multaj dezirantoj ekzameniĝi. Pli postula kaj malrutina tasko nun traktata estas la modernigo de la ekzamensistemo konforme al aktualaj internaciaj normoj de lingvolernado, instruado kaj ekzamenado. Dume la ILEI-vivo viglas en la landaj sekcioj kaj E-edukejoj, pri kio legeblas sur la ĉi-sekvaj paĝoj.

Feliĉigan Novan Jaron, novajn sukcesojn en 2007 kaj prosperajn ŝanĝojn por pli vasta Esperantujo!

*Radojica Petroviĉ*

**Irina Gonĉarova**

# Flugigi la „Flugilojn"

*aŭ instrui instruistojn*



Mi intencas prezenti ĉi tie la projekton *Flugigi la „Flugilojn"*, kiu nun naskiĝas kaj iom post iom evoluas surbaze de ideoj kaj pridiskutoj inter kelkaj aktivuloj de ILEI kaj E@I. La projekto celas la edukadon de junaj instruistoj de E-o kaj inkluzivas kontinuan sistemon de seminarioj por du kategorioj de tiuj: por komencant/ontaj instruantoj (*Flugiloj de Malfacila Vento*) kaj por gvidantoj de tiuj instruantoj (*Gvidu la „Flugilojn*!").

*Flugiloj de Malfacila Vento*, lanĉita kiel komuna projekto de ILEI kaj TEJO/E@I en 2004, estas jam vaste konata en la junulara E-mondo. La unua kaj la plej ampleksa seminario de *Flugiloj* okazis en Sarajevo, en marto 2004, enkadre de la 6-a E@I-seminario (vd. *http://interkulturo.net/seminarioj/sarajevo/*).

Ĝis nun estis entute 5 seminarioj de *Flugiloj* (vd. *www.ilei.info/vikio/Trejnseminarioj*). La motiv-ideoj kaj gvidlinioj, daŭre validaj, legeblas ĉe *www.ilei.info/vikio/Flugiloj_De_Malfacila_Vento* kaj aliaj paĝoj, al kiuj gvidas ligiloj de tie, kun la slogano: „Per via helpo ni povas iom post iom krei la necesajn 'flugilojn' kaj ŝanĝi la venton" ☺.

Du tiaj seminarioj okazis en la plej amasaj junularaj aranĝoj – en IJK en Kovrov (Rusio, 2004) kaj en Zakopane (Pollando, 2005). Kaj se en Kovrov la seminario estis pli-malpli fermita – en la anticipe kompilita listo estis 20 sinanoncintaj gejunuloj (kvankam ankaŭ tiam surloke aliĝis 6 personoj kaj kelkaj kongresanoj ĉeestis kiel spektantoj), en Zakopane la seminario estis plene malfermita, kaj krom la enlistigitaj studantoj ĝin vizitis dekoj da unu-du-fojaj partoprenantoj, kaj de multaj eksteruloj oni aŭdis: „Mi maltrafis hazarde, mi tamen interesiĝas kaj volas partopreni la sekvan fojon!"

Kio do estas *Flugiloj de Malfacila Vento*? Ĝi estas serio de stud-okupoj, dividitaj en du direktoj: metodiko de E-instruado (1) kaj gramatiko de E-o (2), por ĉiu temo po 4 kunvenoj (2-2,5-horaj) dum la aranĝo.

La celgrupo: E-instruanta aŭ E-instruema junularo. La celo: demonstri la metodikajn instrueblojn, helpi eltrovi la propran instru-metodon, ebligi la

provon de instruado en amika, samideana etoso, altigi la gramatikan nivelon de la neperfektuloj.
La sperto montris, ke dum tiu kurta periodo – kompreneble – oni ne povas disponigi al la homoj profesian kleron, sed tute eblas riveli la necesajn direktojn de la memlernado, interesi, entuziasmigi, kuraĝigi...
Estas inspira la fakto, ke post ambaŭ *Flugiloj* dekoj da gejunuloj komencis instrui E-on.

Por ke la bildo pri la projekto estu kompleta, nepre menciindas la ĝisnuna ĉefprodukto de *Flugiloj*, la fama, bone vendata kaj utiligata *Manlibro pri instruado de Esperanto*, kiu en nur unu jaro havis du eldonojn, la unuan elektronika kaj la duan papera, plus 500-ekzempleran represon de la dua eldono, pro kio ni devas danki al la brava teamo de *ILEI-E@I* kaj speciale al *Peter Baláž*.

Do, la konkludo de la organizintoj estas, ke *Flugilojn* oni devas daŭrigi, fari ĝin tradicia aranĝo en junularaj amas-renkontiĝoj, kaj plualtigi ĝian prestiĝon. Tiu celo aperigis demandon pri la gvidantoj. Ja la sama teamo el la 3-4 organizantoj/gvidantoj ne povas veni al ĉiuj celkonvenaj E-renkontiĝoj. Do, necesas vastigi la teamon. Konsiderindas, ke la koncepto de la seminario, la kvalito de la instruado, la postuloj al la gvidantoj kaj kursanoj devas resti identaj. Tiel nature venis la ideo pri la preparado de la organizantoj kaj gvidantoj por *Flugiloj*. Kaj nun estas lanĉata la nova seminario – *Gvidu la „Flugilojn”...!*.

La unuan fojon ĝi okazos en Pollando, dum la ASo (Ago-Semajno, *www.as.pej.pl*), inter la 27-a kaj 30-a de decembro 2006. Krom la konatiĝo kun la sperto de pasintaj *Flugiloj*, la seminario traktos 3 temojn: 1) kiel organizi kaj administri *Flugilojn*, 2) kiujn temojn elekti por la gramatika parto, 3) kion kaj kiel instrui en la metodika parto.
Pri la 1-a temo devas esti kompetentaj ĉiuj gvidontoj de *Flugiloj*. Pri la temoj 2-a kaj 3-a ni formos du laborgrupojn, laŭ la preferoj de la seminarianoj. Ĉar ĉiuj partoprenontoj estas bonparolantaj esperantistoj kun pedagogia klero aŭ konsiderinda instrusperto, la kunvenoj pasos pli en konsulta, ol instrua gvidado. Plia tasko de la seminario estos plani la sekvajarajn *Flugilojn* kaj distribui la partoprenon de la kursanoj inter la gravaj E-aranĝoj. Ni strebos al minimume du *Flugiloj* dum la junularaj amas-aranĝoj somere, kaj, laŭeble, ankaŭ alisezone.

Tra la tuta jaro daŭros la kompilado de la listo pri gejunuloj kun sufiĉaj klero kaj lingvonivelo. Se la projekto bone funkcios, dum la jaro 2007 ni okazigos la seminarion *Gvidu...-2*, eble, en ASo aŭ en ISo-07/08 – por la novuloj de la listo. Rakonto pri la sperto, konatigo kun la principoj, instrukcioj ktp. Konkludoj, korektado-precizigo konvene al novaj spertoj. Kaj nova planado de *Flugiloj* por la sekva jaro. Eblas supozi, ke post 2-3 jaroj la projekto estingiĝos, ĉar ĉiuj nun aspirantaj al *Flugiloj* pasos tra la seminario kaj novaj dezirantoj aperados ne tiom amase. Tiam ankaŭ ni modestigos niajn planojn.

Nun pri la solvendaĵoj. Ni strebos, ke la tuta afero estu plejeble altkvalita kaj serioza. La junaj gvidantoj de *Flugiloj* devas esti vere kleraj kaj kompetentaj homoj, rajtigitaj de *Gvidu...* La selektado estos severa. Kaj al tiuj elektitoj necesas ebligi laboron por la movado. Do, absolute gravas, ke ili estu finance sekuraj – kaj ricevu maksimume eblan financan kompenson. Tio allogos talentajn nepagipovulojn, seriozigos la aferon, similos al salajrata laboro, kiun ne eblos fari „inter cetere”. Aliflanke, *Flugiloj* devas iĝi tiom prestiĝaj, ke por ĉiu plurtaga amasa E-aranĝo estu honoro ĝin havi. Tiam eblus esperi, ke la organizantoj de la aranĝo konsentas akcepti la du gvidantojn de la *Flugiloj* kontraŭ senpaga loĝigo kaj manĝigo. Pri la vojaĝkostoj por ili povus zorgi la organizaĵoj, lanĉintaj la projekton. Kompreneble, tio estas nur ideoj. La financa politiko de la projekto bezonas pli profundan prilaboron.

Kaj nun al la realigo de la projekto povas helpi ĉiu leganto de IPR. Bonvolu konatiĝi kun la postuloj al la partoprenontoj de *Gvidu la „Flugilojn”!* kaj kontaktigi taŭgajn gejunulojn el via lando kun la organizantoj!

Aktualajn informojn pri la evoluo de la projekto *Flugigi la „Flugilojn”* eblas trovi en la paĝaro *http://moskvo.ru/masi/flugi*.

## ***Gvidu la „Flugilojn”!*** **okazos ĉi-vintre en Pollando:**

*E@I* kunlabore kun *ILEI* lanĉas la projekton *Gvidu la „Flugilojn*”! kaj ĉi-vintre okazigos dum *ASo* en Pollando (*www.as.pej.pl*) ties unuan junularan seminarion. La provizora enhavo de *Gvidu…* estas la jena:

– konatiĝo kun la sperto de la okazintaj *Flugiloj...*
– kuna ellaboro de la programoj (gramatika kaj metodika) por *Flugiloj...*
– ĝustigo de la koncepto kaj organizaj principoj de *Flugiloj...*

– planado de okazontaj *Flugiloj*... kaj distribuo de la gvidantoj por ili.
La postuloj al la partoprenontoj de *Gvidu*... estas la jenaj:
– bona, flua, gramatike ĝusta uzo de E-o;
– pedagogia klero (aŭ sperto de instruado);
– preteco vojaĝi al amasaj junularaj aranĝoj por gvidi tie la "Flugilojn";
– membreco en ILEI (eblos aliĝi surloke).

La gvidantoj de *Flugiloj*... ricevados financajn subvenciojn por sia laboro dum la konfirmitaj internaciaj E-aranĝoj. La grupo de *Gvidu*... en *ASo* ne estos pli ol 12-persona. Do, estimataj samideanoj, se vi opinias vin taŭga kandidato aŭ konas taŭgajn kandidatojn por la pola (dum *ASo*) aŭ la sekvaj *Gvidu*..., bv. retumi al la kunordiganto de la seminarioj, *Irina Gonĉarova*: *<mirinda.strigo@gmail.com>*. La kandidatoj ricevos la respondendan Demandaron, konfirmon pri la akcepto kaj la necesajn rekomendojn.
Dankon pro la kunlaboro! Sukcesojn al viaj iniciatoj!

*Irina Gonĉarova, <mirinda.strigo@gmail.com>*

## Esperanto kaj mondcivitaneco

*prelego de Ronald J. Glossop dum la 39-a ILEI-konferenco, en Parmo, Italio, la 28-an de julio 2006*[1]



Homoj en Usono kelkfoje demandas min: „Kial vi estas esperantisto? Vi jam scipovas la anglan, la veran internacian lingvon. Vi povas vojaĝi preskaŭ ien ajn en la tuta mondo kaj ne bezonos alian lingvon.” Eĉ homoj el aliaj landoj diras al mi la samon: „Kial denaska parolanto de la angla lingvo volus lerni E-on?”

Efektive, estas du respondoj. La unua estas la morala kialo. Jes, sendube mi estas tre bonŝanca, ke mia denaska lingvo estas lingvo, kiun mi povas uzi en multaj diversaj landoj kaj en multaj partoj de la mondo. Sed tio estas nur hazarda afero. Mi ne elektis tiun situacion, kaj aliuloj ne elektis esti en malsama situacio. Mi ne rajtas postuli, ke aliuloj

---

[1] en ekskluziveco por IPR kaj Heroldo de Esperanto

devu uzi mian nacian lingvon, dum mi ne devas uzi iliajn naciajn lingvojn. Tio ne estus justa. Samtempe mi ne povas lerni eĉ malmultajn aliajn lingvojn el la granda kvanto de naciaj kaj etnaj lingvoj, kiuj estas uzataj en la mondo. La racia solvo de tia lingva problemo estas, ke ĉiuj en la mondo devus lerni la saman duan naci-neŭtralan lingvon. Kiam mi unue pensadis pri tiu ebleco, mi estis usonano, kiu neniam aŭdis pri la lingvo E-o. Sed feliĉe en la jaro 1978 viro nomita *John Sabin* informis min, ke ekzistas en la mondo logika, planita lingvo, kiun multaj homoj jam uzas kaj kiun oni povas lerni multe pli rapide ol aliajn lingvojn. Krome, tre grava afero estas la spirito kaj celoj de tiuj, kiuj uzas tiun lingvon. Ĝiaj uzantoj deziras aboli militojn, elimini maljustecon, protekti la homajn rajtojn, kaj redukti la kvanton da mizero en la mondo. Tial E-o provizis bonan solvon al mia morala problemo rilate al la uzo de lingvoj en mondo, kie ne ĉiuj uzas mian nacian lingvon. Mi nur bezonis lerni E-on kaj uzi ĝin, kiam mi volas komuniki kun aliuloj, kiuj uzas malsamajn naciajn lingvojn. Do mi esperantistiĝis.

La dua kialo, ke mi estas e-isto, kaj la ĉefa temo de ĉi tiu prelego estas, ke mi volas esti vera mondcivitano. Mi nun opinias, ke vera mondcivitano devas esti e-isto. Sed mi devas klarigi tiun deklaron. Ne estas simpla la afero.

Ĉu persono, kiu volas esti mondcivitano, ne povas fari tion per la uzo de la angla lingvo? Mi devas konfesi, ke por 94 %-oj de la homoj en la mondo, kies denaska lingvo ne estas la angla, lerni la anglan sendube estas bona maniero por iĝi konektitaj kun la granda parto de la mondo, kiu uzas la anglan lingvon. Sed rimarku, mi ne diris, ke la lernado de la angla lingvo provizas paŝon al mondcivitaneco. Tiuj, kiuj lernas la anglan lingvon, povas partopreni en la granda parto de la mondo, kiu uzas la anglan, sed tiu situacio ne estas la sama, kiel esti civitano en komunumo. Kelkfoje oni malzorge parolas pri „la angla-lingva komunumo”, sed tiu esprimo ne aludas al vera komunumo. Tiukaze ne ekzistas sento de komunumo; ne ekzistas komuna celo aŭ sento de solidareco. Ekzistas homoj, kiuj uzas la saman lingvon, sed tio estas nur praktika afero. Tia grupo de homoj ne formas mondan komunumon.

Ekzistas ankaŭ alia kialo, ke la uzantoj de la angla lingvo ne povas formi mondan komunumon. La fakto estas, ke la angla lingvo estas nacia lingvo, kiun oni tamen nun povas uzi en multaj landoj de la mondo. Pro tio ĝi iĝis

inter-nacia aŭ inter-landa lingvo. Por mi tio estas tre malsama afero ol esti tuttera aŭ tergloba lingvo. Kiam mi uzas la anglan lingvon, mi uzas mian nacian lingvon kaj ne povas senti, ke per ĝi mi partoprenas en pli vastan, efektivan, tutteran komunumon.

Mi klarigu tion pli detale, ĉar ĉi tio estas grava, sed malsimpla punkto. Oni devas konstati, ke la situacio en nia nuntempa mondo ne plu estas la sama, kiel la inter-nacia mondo, kiu ekzistis dum la 18-a, 19-a kaj 20-a jarcentoj. Nun, en la 21-a jarcento, ni havas tergloban mondon. En tiu antaŭa inter-nacia mondo ekzistis multaj landoj, kiuj havis siajn proprajn landajn registaron, flagon, armeon, policon, lingvon, monon, himnon kaj tiel plu. Se oni havus mapon aŭ globon, kiu reprezentas tian mondon, la diversaj landoj estus en diversaj koloroj kun nigraj linioj laŭ la landlimoj. En tia mondo, iu ajn kunlaboro en la mondo ĉiam okazis inter reprezentantoj de la landaj registaroj en inter-naciaj organizaĵoj, kiel *Ligo de Nacioj* aŭ *Unuiĝintaj Nacioj*. Tiuj, kiuj uzis malsamajn naciajn lingvojn devis dungi interpretistojn kaj tradukistojn por komuniki unu kun la alia en internaciaj organizaĵoj. La mondo estis vidata kiel kolekto de relative sendependaj landoj, kaj ĉiu homo devis esti civitano de iu lando. En inter-naciaj aferoj la reprezentantoj de la landaj registaroj parolis por ĉiuj civitanoj de tiu lando. La individuoj mem kiel individuoj ne rajtis partopreni en tiaj inter-naciaj aferoj.

Kiam nia kara *D-ro Zamenhof* evoluigis novan lingvon por tia mondo, li ĝuste nomis ĝin „La Internacia Lingvo". Tiam la mondo ja estis inter-nacia mondo, do oni kompreneble parolis pri inter-nacia lingvo. Sed efektive, tiun novan lingvon aliuloj nomis per la nomo „Esperanto", kaj ĉiuj, inkluzive *Zamenhof* mem, en siaj paroloj konstatis, ke ĝi estas lingvo, per kiu ordinaraj individuoj povus komuniki rekte kun aliaj individuoj en la resto de la mondo. La nigraj landlimoj kaj apartaj landaj registaroj ne plu estis tiel gravaj. Por esperantistoj, pro la komuna lingvo, la landlimoj disfalis. Ili ne plu estas civitanoj ĉefe de nur unu lando sed ili iĝas civitanoj de la planedo. Nova sento de solidareco kun ĉiuj homoj evoluis. La homaro ne plu havis nur „inter-nacian" aŭ „inter-landan" lingvon, sed tute novan specon de lingvo, „tutteran lingvon" bazitan de tuthomara spirito. Sekve, tiu lingvo kaj tiu spirito iĝis bazo de tute nova speco de komunumo, tuttera komunumo. Tiuj, kiuj apartenas al tiu tutmonda komunumo, kaj sentas lojalecon al ĝi, povas esti mondcivitanoj, malgraŭ, ke tutmonda registaro ĝis nun ne ekzistas.



Plue, en la sesdekaj jaroj de la dudeka jarcento ni ekvidis fotojn de la Tero el la spaco. Ĉiuj povas vidi, ke la land-limoj estas artefaritaj kaj, ke ni ĉiuj estas Teranoj, ne nur loĝantoj en diversaj apartaj landoj. Ni povas scii kaj senti, ke ni vere estas mond-civitanoj. Mi volis iĝi parto de tiu nova tuttera komunumo, kaj mi vidis ke E-o estas la plej bona ilo por efektivigi tion. Mi vere ekkonstatis ke „E-o ne estas nur lingvo." Iĝi e-isto estas la maniero, en kiu oni povas iĝi parto de tute nova speco de monda komunumo. Komence mi ne komprenis tion. Mi ekkonstatis tion nur post kiam mi partoprenis en la E-movado kaj ekkonis individuajn esperantistojn el multaj aliaj landoj. Mi sentas, ke mi estas parto de vera tuttera komunumo bazita ne nur sur komuna lingvo, sed ankaŭ sur komunaj celoj kaj sento de solidareco. Oni povas diri ke mi eklernis E-on, ĉar mi volis ĝuste komuniki kun aliuloj, kiuj ne uzis la saman nacian lingvon, sed poste mi restis e-isto, ĉar mi volas daŭre loĝi en la tuttera E-komunumo. Pro Esperanto kaj per Esperanto mi povas esti kaj resti vera mondcivitano.

*Ronald J. Glossop, <rglossop@mindspring.com>*

## Ni demandis al Maŭro La Torre…



IPR: *Ĵus stariginte Sciencan Komitaton por nia revuo, ni volas laŭvice tele-intervjui ĝiajn anojn por pli bone konigi ilin al niaj legantoj, ne nur el movada vidpunkto, sed ankaŭ profesie kaj persone. Ni komencas la serion per Maŭro La Torre, kiu jam plurajn rolojn ludis en nia Ligo. Kara Maŭro, alvokita en ĉi tiun novan organon, kion vi opinias pri ĝia rolo kaj utileco?*

ML: Esence, mi opinias, ke *Scienca Komitato* (SK) povas plivastigi la radikojn de la revuo en nia grundo, kreskigante niajn ligojn kun nia

legantaro kaj verkantaro. Ju pli niaj SK-anoj reprezentas diversajn kulturajn mediojn kaj instruajn fakojn, des pli ili povos diversigi la temojn traktatajn ĉi tie kaj ties perspektivojn. Laŭtradicie IPR okupiĝas ne nur pri la lernado de la internacia lingvo (kvankam ja tio estas ĝia „ruĝa fadeno”), sed ankaŭ pli ĝenerale pri instruado en la mondo kaj speciale pri la plusoj, kiujn la kono de E-o povas liveri al aliaj lernadoj.

IPR: *Pri kio vi pensas konkrete?*

ML: Mi pensas, ekzemple, pri specimenaj situacioj (kiel la „Gimnazio” iam okazigata en ILEI-konferencoj, aŭ la PLI-seminarioj dum la Printempaj Semajnoj Internaciaj en Germanujo), kie areto da realaj geknaboj, venintė de diversaj landoj, vizitis dum semajno „provklason” gvidatan de E-lingvaj instruistoj, lernante pri „konkretaj” temoj, kiaj muzikiloj, lingvoj, paper-faldado aŭ homgeografio. Tio estis unika sperto por tiuj klasanoj (italo lernas kun japano kaj suomino helpe de afrika instruisto), sed ankaŭ por la kursestroj, kiuj kvankam bone konante sian fakon kaj laborlingvon, neniam antaŭe spertis profesie agi en tia bunta situacio. Sed mi pensas ankaŭ pri aliaj pli „normalaj” (pli facile realigeblaj) lerno-situacioj, kiel la kunlaboraj projektoj inter diverslandaj lernejoj (vidu ekzemple la nunan AKEL inter bulgaroj, italoj kaj britoj).

IPR: *Kion vi atendas de la membroj de la Scienca Komitato?*

ML: Mi imagas la SK-on kiel funelon kaj filtrilon, kiu povas alfluigi al nia revuo novajn interesajn spertojn kaj verkojn en la sci-fakoj de la unuopaj SK-anoj (de lingviko ĝis muzikologio) kaj/aŭ pri la diversaj aspektoj de lernado (instruplanoj, lerniloj, metodoj, instruteknologioj, evoluo de instrusistemoj, ...). Ni povas ne nur selekti la alvenantajn artikolojn, spontane proponatajn de niaj pli verkemaj ILEI-anoj, sed ankaŭ laŭbezone "mendi" kontribuojn de taŭgaj spertuloj, pri problemoj kiujn ni rigardas interesaj. Mi memoras, ke en la prahistoriaj tempoj de IPR oni ne nur stimulis al verkado la instruistojn kaj edukistojn de nia asocio, sed ankaŭ iam tradukis taŭgajn artikoletojn de ne-E-parolantaj kolegoj, kiuj temis pri novaj fakaj interesaĵoj, kaj pruvis al la didaktikistaj aŭtoroj la viglecon de nia „merkato”.

IPR: *Kvankam ne ĉiuj niaj membroj estas profesiaj instruistoj, preskaŭ ĉiuj estas praktikaj instruantoj aŭ iel interesiĝas pri lernigado, aranĝante*

*kursojn, verkante lernomaterialojn, aŭ kunlaborante en interretaj kursoj. Kia estas via persona rilato al lernaj kaj instruaj procezoj?*

ML: Persone mi venas el familio, kie mia patro, du fratinoj, bofratino kaj bofrato, kaj nelaste mia edzino, estas lernejaj instruistoj. Mi mem instruadis en mezlernejoj dum 15 jaroj, kaj samtempe trejnadis kolegojn pri didaktiko kaj lerno-taksado. Post tiuj batalfrontaj spertoj, mi eklaboris en universitata malĉeesta profesiiga sistemo por miloj da instruistoj en nia lando (Italujo).

IPR: *Kaj ĉu nun vi forlasis la lernejan mondon por la scienca esplorado?*

ML: Nur duone. En mia nuna universitata posteno, ĉirkaŭ duono de miaj taskoj estas instruaj kaj alia duono estas sciencumado. Sed, por ne „perfidi" mian devenon, miaj studentoj estas ... la ontaj bazlernejaj instruistoj.

IPR: *Kion vi instruas al ili?*

ML: Nuntempe mi havas du bazajn instruojn: la unua nomiĝas „Komputika logiko", kaj tio signifas la bazajn komputsciencajn kaj informikajn nociojn, en la perspektivo de transdonado de tio al malgrandaj infanoj (3/10-jaraj). Alivorte temas ne pri la fama „komputila stirrajtigilo" por lerte uzi la Mikrosoftajn programojn, sed la kultura fono kiu kuŝas malantaŭ tiuj aplikoj (ekzemple: kiel efike aranĝi la informojn kaj datumojn? kiel „rezonas" maŝinoj? kiaj estas la arĥitekturoj de informaj sistemoj? ktp.)

IPR: *Vi menciis 2 instruobjektojn!*

ML: Fakte duan serion da kursoj mi gvidas pri la problemoj de pritaksado de lernoprocezoj kaj de instrusistemoj: E-lingve oni povas nomi tion „ekzameniko" aŭ „lernotaksiko".

IPR: *Bone, tiuj estas viaj kursoj por la studentoj. Kaj via esplorado, ĉu ĝi prias la samajn temojn aŭ kion alian?*

ML: Miaj lastatempaj esploroj temas diversmaniere pri aŭtomata tekst-analizado. Imageble, en Klerigscienca Departemento mi povas apliki tiajn metodojn precipe al instrusciencaj aŭ lernosituaciaj materialoj. Por komprenigi pli konkrete pri kio povas temi, jen kelkaj ekzemploj de la lastaj monatoj:

– aŭtomata analizo de korpuso el 3 000 respondoj de mezlernejanoj al demando pri unu montrita pentraĵo, por difini indikvariablojn pri lingva esprimiĝo;

– komparo de specimeno da lernejaj instruofertaj planoj – per teksto-leksikaj statistikaj metodoj – por profili tipajn lernejajn siluetojn;
– kribrado de tutmonda bibliografia datumbazo pri Montesori-instruado per faktoranalizaj metodoj aplikataj je etaj tekstoj (titoloj ktp), por distavoligi la interesiĝon en la mondo pri Montesori-instruado.

IPR: *Ni havas la impreson, ke dum la lastaj tempoj ni malpli legas pri vi en la ILEI-organoj* (IPR*,* Juna amiko*,* interreta diskutejo E-INS). *Ĉu tiu impreso respondas al la realo, kaj eventuale kio kaŭzas tian malpliiĝon? Ĉu profesia okupiteco, aŭ ĉu aliaj E-movadaj aŭ personaj kaŭzoj?*

ML: Jes, vere. Ĉar mia laborkapablo daŭre reduktiĝas kaj devigas min ĉiam pli draste elekti miajn realigojn: kaj profesiajn, kaj asociajn kaj privatajn. Verŝajne pro simpla velkiĝado. Kion fari?

IPR: *Supozeble viaj diroj jam iom kontribuis al la ekkono de niaj Scienc-Komitatanoj kaj malfermis temajn vojojn plu esploreblajn. Ni dankas vin, ĝis nova okazo!*

ML: Dankon al vi pro via interesiĝo kaj saluton al ĉiuj ILEI-anoj!

## Tago de la Lernejo 2006[2]

Okazinta mardon, 2006-08-01, $10^{15}$-$15^{45}$, en salono „Minnaja”, kadre de la 91-a UK en Florenco, la *Tago de la Lernejo* havis riĉan kaj interesan programon, kiu allogis aron da e-istoj dezirantaj informiĝi pri la lastaj novaĵoj pri instruado kaj edukado en E-o, aŭ esprimi la proprajn opiniojn pri tio. Gvidis la kunvenon *Radojica Petroviĉ* (Serbio), prezidanto de ILEI. Post la enkonduko – pri instruado en E-o kaj la projekto *InterKulturo* –, sekvis la programero *Edukado kaj instruado de E-o en Italujo*. Prelegis *Aldo Grassini*, pri la diversaj niveloj kaj reformo de la eduksistemo en Italio. *Anna Maria Colacicchi* parolis pri la *Lingvolernado kaj instruado de E-o en Italio*. Tiel la ĉeestantoj povis ekscii, ke oni instruas E-on kiel elekteblan studobjekton ne nur en elementaj lernejoj (Parmo, Prato), sed ankaŭ en mezlernejoj (Modena, Pescara), kaj en liceoj kaj universitatoj.

---

[2] Kiel ni anoncis en la piednoto de IPR 06/3 p. 19, la intervjuo + kelkaj someraj raportoj devis transveni al la nuna numero. Ankoraŭfojan pardonon! – NdlR

Post demandoj, diskuto kaj eta paŭzo sekvis **la dua serio** de prelegoj: *E-o en lernejoj de Eŭropo. Angela Tellier* (Britio), diplomita instruisto pri fremdaj lingvoj, prezentis la projekton *Springboard for Languages* en Britio (*Projekto Lingvolanĉilo*), kiu ofertas por la unuagradaj lernejoj programon, ne de E-o kiel E-o, sed por lingva konsciigo kaj kiel enkondukon al lingvolernado pere de la plej simpla, plej regula, plej fonetika lingvo, E-o. Post unu-du jaroj de E-lernado, la lernintoj povos progresi al aliaj, naciaj, tiel nomataj naturaj lingvoj – aŭ daŭrigi la lernadon de E-o. Oni akcentis la lernfaciligan valoron de E-o.

*Lajos Molnár* (Hungario) prelegis pri la laborgrupo „*Lingvolanĉilo*”, kiu celas al aplikado de la projekto en aliaj eŭropaj kaj ekstereŭropaj landoj. Sekvis demandoj kaj diskuto, sed ankaŭ partnerecaj proponoj.

*FRINGOJ 2007*[3] estas akronimo de la *Festa Renkonto Internacia de Geknaboj*, novstila porgeknaba semajno, kiu sukcese disvolviĝis unuafoje en aprilo 2006 ĉe Kastelo Grezijono, en Francio. La iniciatinto, *Elizabet' Barbay*, per alparolo, filmo kaj faldfolioj klarigis la celon de tiu projekto: „...kontribui al plialtigo de la lingva nivelo, sed ĝi ankaŭ ambicias evoluigon de la partoprenantoj al pli da komunikemo, aktivemo, kreemo kaj memfido en ĝoja internacia etoso.”

Interlerneja projekto AKEL-2 (kadre de la Programo SOCRATES, Comenius1) estis prezentita de *Ermano Tarracchini* (Italio). La titolo de la projekto enhavas ankaŭ la ĉefan celon: „Alternativa Komunikado inter la Eŭropaj Lernejoj por konstrui la ideon de eŭropa kaj monda civitaneco de la junaj homoj en Eŭrop-Unio”. La preleganto prezentis la ĝisnunajn rezultojn, la akiritajn spertojn kaj la sekvajn paŝojn. Dum la posta diskuto, *Luis Ladeira*, instruisto el Portugalio kaj iniciatinto de la Projekto AKEL 1, aldonis novajn informojn pri tiu agado.

*Marija Beloŝeviĉ* (Kroatio) akcentis en sia prezento la rolon de E-o en la servo de gelernantoj. Ŝi parolis pri elekto de la konvenaj libroj kaj pri aktivigo de la gelernantoj pere de korespondado, konkursoj, ekspozicioj.

Posttagmeze, **en la tria parto** (*E-o en universitatoj*), prezentis tre interesajn prelegojn profesoroj: *Amri Wandel* (Israelo), pri tio kiel lerni E-on kaj studi per E-o universitatnivele (IKU, AIS kaj UNESCO/IAU); *Yu Tao* (Ĉinio) pri la studado de E-o en ĉinaj universitatoj kaj universitata edukado de profesiaj esperantistoj en Ĉinio; *Aida Čižikaitė* (Litovio) prelegis pri spertoj

[3] 7-14, aprilo 2007, *http://gresillon.org/eventoj/fringoj/index.html* NdlR

kaj observoj de universitata E-instruisto, pri motivigo de la studentoj, kunlaboro kun universitatanoj de aliaj landoj, montrante, ke ŝia agado estas subtenata de dekano kaj vicdekanino, kiuj rekonas la valoron de la E-instruado. Kadre de la diskutoj, profesoro *Maria Butan* (Rumanio) parolis pri E-kursoj ĉe la universitatoj en Timiŝoara kaj Sibiu.

Post la 14-a horo sekvis **la lasta parto** de tiu ĉi fruktodona tago: *Instruado de E-o tutmonde*. *Maritza Gutiérrez*, UEA-estrarano pri landa kaj regiona agado, parolis pri instruado de E-o en Afriko, pri la projektoj *E-instruistoj por Afriko* kaj *Freŝa Vento*, pri la kreiva kvalito de la E-instruado. *Sabine Hauge* (Germanio) raportis pri la unua generacio (2005) de la gelernantoj de E-o en Benino, Ebura Bordo, Burundio kaj pri la neceso daŭrigi la projektojn por Afriko. *Radojica Petroviĉ* priskribis la Internacian Semajnan Lernejon en Armenio (ISLA-2006) kaj temojn traktitajn en ĝi: didaktikaj aspektoj de E-instruado, ĝiaj celoj, rezultoj, aktivaĵoj kaj motivado de lernantoj, interkultura edukado per E-o k.c. *A.S. Venkatesh Reddy* (Hinda Unio) raportis pri la E-instruado en Barato (Hindio), precipe inter skoltoj, kie oni donis ĝis nun pli ol 5000 atestilojn. Li promesis disvastigi E-on en la najbaraj landoj, sed mankas E-instruistoj.
Pri la projekto *NESTO*: malĉeesta kaj perkomputila lernado de E-o prelegis *Adonis Saliba* el Brazilo; la kerna celo de tiu ĉi projekto estas „kreskigi la nombron de aktivaj esperantistoj tra la mondo". La serio de prelegoj fermiĝis per la lastaj du prelegantoj, *Anna* kaj *Mati Pentus* (Rusio), kiuj prezentis la Retpoŝtan E-kurson por ruslingvanoj, surbaze de la ruslingva kurso de *Boris Kolker*.
Demandoj kaj diskuto ne mankis, kvankam la *Tago de la Lernejo* montriĝis sufiĉe longa. Eĉ post la pritaksa momento, konkludo kaj fermo de tiu ĉi grava evento, kelkaj instruistoj daŭrigis la diskutojn pri eventualaj estontaj kunlaboroj en la prezentitaj projektoj ekstere, en la koridoroj. Fakte tio montris ke la tago sukcesis. *Mihai Trifoi, <trifoi@honoris.ro>*

## Internaciaj Ekzamenoj de UEA/ILEI dum la 91-a UK

Malgraŭ la varmo kaj riĉa programo de la kongresa semajno al la ekzamen-sesio enskribiĝis 12 kandidatoj el 7 diversaj – bedaŭrinde nur eŭropaj – landoj. La internacia ekzamena komitato sub la gvido de *Katalin Kováts* (HU/NL) atente kaj subtene faris la taksadon de scioj, skribigis

antaŭtestojn, okazigis plurhoran skriban kaj buŝan sesiojn dum kiuj la ekzamenatoj devis pruvi siajn kompetentojn pri gramatiko, leksiko, bona lingvouzo (skriba kaj buŝa) kaj ankaŭ pri E-kulturo kaj nia movado.
La plejmulto de la ekzamenitoj dum longa tempo pretiĝis al la evento sekvante plurmonatajn preparkursojn (ekz. la belgaj samideanoj) diligente studante ekzercojn kaj specimenojn tra la retejo *www.edukado.net* aŭ legante aliajn fontojn. Kvankam la mezuriĝo estis ŝvitiga procezo, je la fina ceremonio 10 feliĉaj kandidatoj estis kante kaj aplaŭde festataj dum ili transprenis sian atestilon.

*Jen la listo de la gratulindaj sukcesintoj:*

*Elementa nivelo*: Heidi Goes (BE), Ursula Kwasniewska (SE), Yves Eeckhout (BE), Pier Giuseppe Colombo (IT), Manel Vinyals (ES), Dominique Siméone (FR), Daniela Hölzle (DE)
*Meza nivelo*: Renata Chassard-Caubel (FR), Remy Sproelants (BE), Georgios Dermatis (AT)




Al tiuj, kiuj estonte planas trapasi la ekzamenojn aŭ okazigi sesiojn, ni konsilas studi la postulojn kaj la specimenojn en la koncerna sekcio de *www.edukado.net.* Por pliaj informoj turnu vin al la nova sekretario de la ekzamena komisiono: *Reza Torabi, <torabireza@gmail.com>*

*Katalin Kováts, < katalin@ikso.net>*

# Interkona vespero kaj Lingva Festivalo

*(Konferencaj raportoj de Vlaďka Chvátalová el Parmo 2006)*

La **Interkona vespero** okazis en tre amika kaj manĝoplena etoso – preskaŭ ĉiuj konferencanoj kunportis el sia lando tipajn manĝaĵojn kaj drinkaĵojn, kiuj estis metitaj sur unu grandan tablon kaj poste prezentitaj al la publiko. Tiamaniere oni konigis sin mem kaj samtempe ion de sia kulturo. Meze de la interkona vespero ni spektis ankaŭ plurajn italajn dancojn de simpatia itala dancgrupo. Kaj kompreneble poste ni ĝuis alian tre interesan parton – necesis ja formanĝi ĉion, kion oni kunportis por la aliaj!

La **Lingva Festivalo** okazis merkrede en la korto de la biblioteko de Parmo. Prezentantoj de 18 diversaj lingvoj (el inter ili du ne-esperantistoj kun la temoj gestolingvo kaj la greka) kolektiĝis por gustumigi siajn denaskajn lingvojn, ĉiu dum duonhoro, en E-o, kiu kaze de neceso estis interpretata en la italan por la lokaj aŭskultantoj. La publikon formis la konferencanoj, kiuj ne traktis pri sia lingvo. Ni esperis je pli granda nombro de lokaj ĉeestantoj, sed kompreneble ni ĝojis almenaŭ pri tiuj unuopuloj, kiuj interesiĝis pri nia aranĝo, spektis la prezenton pri E-o kaj aliaj lingvoj kaj eĉ partoprenis la simpozion, kiu sekvis la tagon poste. Kelkaj prelegetoj estis pli seriozaj, kelkaj malpli, kelkaj temis pli pri kulturo, kelkaj pri gramatiko, sed ĝenerale ĉiuj ĝuis aŭ sian rolon de spektanto, aŭ tiun de aktiva prezentanto.



Eĉ se ni ne sukcesis allogi amasegon da lokanoj, tiu ĉi programero certe estas inda parto de niaj konferencoj, kiu ja povus plu evolui. Depende de lokaj kondiĉoj kaj la grandeco de la organiza teamo oni eble eĉ povus pligravigi ĝian rolon kiel instrumento de varbado por E-o dum ontaj ILEI-konferencoj. Lingvoj prezentitaj: E-o, la angla, bulgara, ĉeĥa, franca, germana, hungara, irlanda, itala, japana, kroata, latva, litova, rumana, sveda, ukraina, greka, gestolingvo.

## Biografietoj de la membroj de Scienca Komitato

*(III-a parto)*

### Aida Čižikaitė



Naskiĝis en 1967. En 2002 bakalaŭriĝis pri litova filologio kaj en 2004 magistriĝis pri litova lingvistiko en Vilniusa Universitato Kaunas Humanisma Fakultato (Litovio). En 2005 bakalaŭriĝis pri juro en Moskva Ŝtata Industria Universitato (Ruslando). Nun en Katedro de Litova Filologio pretigas disertacion „Esprimo de tempo en E-o: komparacia aspekto" kaj studas interlingvistikon en Adam Mickiewicz-universitato en Poznań (Pollando). Ekde 2003 estas diplomita Cseh-instruisto.

### Wim Jansen



Naskita la 7-an de marto 1948 en Amsterdamo, Nederlando, edziĝinta al italino, patro de tri gefiloj. Finstudis en 1970 kiel aeronaŭtika inĝeniero en la Teknika Universitato de Delft, Nederlando. Laboris dum granda parto de sia kariero ĉe Eŭropa Spac-Agentejo ESA, okaze de interna reorganizo frupensiiĝis en 1998. Studis en la Universitato de Leiden, Nederlando, lingvistikon kun specialiĝo en la eŭska lingvo, kaj finstudis en 1989 kiel magistro pri kompara lingvistiko. De 1998 instruas en vesperaj lernejoj la nederlandan, germanan kaj italan lingvojn. De 2002 okupas la katedron pri interlingvistiko kaj E-o en la Universitato de Amsterdamo; instruas la fakon interlingvistiko de 2002 kaj planas la enkondukon de la fako E-o en la

komenco de 2007. Preparas doktorigan disertacion pri la sintakso de E-o, defendotan antaŭvideble en 2007.
Parolas la nederlandan kiel gepatran lingvon, la italan kiel duan familian lingvon. Lernis mezlerneje la anglan, francan kaj germanan, kiuj estis liaj oficialaj laborlingvoj dum 25 jaroj. Lernis E-on aŭtodidakte. Krome regas la hispanan, rusan kaj (pasive) la eŭskan.
Publikigis la unuan nederlandan-eŭskan vortaron (1996) kaj lernolibrojn de la eŭska por la anglalingva merkato (1998, 2002), krome multajn artikolojn pri kosmonaŭtikaj aŭ lingvistikaj temoj en diversaj lingvoj.
Kunfondinto de la nederlanda sekcio de TEJO (1965), redaktis la junularan revuon *Koncize* (1967-1971), kunredaktis la TEJO-revuon *Kontakto* (1973-1974), estrarano de la nederlanda LA de UEA (1994-1999) kaj estrarano de Internacia E-Instituto (2000-hodiaŭ).

## Humphrey Tonkin



Estas diplomito de la Kembriĝa Universitato kaj ricevis magistrajn kaj doktorajn diplomojn de la Universitato Harvard. Universitata profesoro pri humanistiko kaj emerita prezidanto de la Universitato de Hartford, Usono. Venis al la universitato kiel prezidanto en 1989 kaj retiriĝis el tiu posteno jardekon poste, por dediĉi sin al esplorado kaj instruado. Estis prezidanto de la Kolegio Potsdam de la Ŝtata Universitato de Novjorkio (1983). Antaŭ tio li estis docento kaj poste profesoro pri angla literaturo ĉe la Universitato de Pensilvanio. Estis gastprofesoro pri angla kaj kompara literaturo ĉe la Universitato Columbia, Novjorko en 1980-81.
En la E-movado dum dek jaroj estrarano de TEJO kaj ĝia prezidanto de 1969 ĝis 1971. Organizis IJK en Britio en 1961. De 1974 ĝis 1980 kaj de 1986 ĝis 1989 estis prezidanto de UEA. De 1980 ĝis 1986 kaj denove de 2001 ĝis 2004 estis vicprezidanto. Estas ankaŭ membro de la Akademio de E-o kaj profesoro de la Akademio Internacia de la Sciencoj Sanmarino.
En E-o redaktis la libron de Soros: *Maskerado*, tradukis la verkojn de Shakespeare: *Henriko Kvina* kaj *La Vintra Fabelo* kaj de A.A.Milne: *Winnie-la-Pu*. Lia plej lasta libro en E-o estas *Lingvo kaj Popolo: Aktualaj problemoj de la E-movado*. Li estas bibliografo por *Modern Language Association* kaj respondecas kune kun d-ro Detlev Blanke pri ties registrado

de novaj eldonaĵoj pri E-o kaj interlingvistiko. Kun prof. Probal Daŝgupto redaktas la revuon *Language Problems and Language Planning*.

Li estis (1998-2003) estrarano de la Kanada Komisiono Fulbright. Estas estrarano de la Usona Forumo pri Tutmonda Edukado, de Monda Lernado, kaj de la Internacia Partneraĵo por Servolernado. Estas direktoro de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvo-Problemoj kaj prezidanto de Esperantic Studies Foundation. Estas eksprezidanto de CIES, la Konsilio por Internacia Interŝanĝo de Universitatanoj, la Komisiono pri Internacia Edukado de la Usona Konsilio pri Edukado, la Internacia Societo Spenser kaj la Fondumo Zamenhof, Pollando.

## El la landoj kaj sekcioj…

### Barato

En la unua semajno de januaro 2007 okazos E-seminario en Bangaloro, Barato kun la gvido de la ILEI-reprezentanto, *Venkatesh Reddy*. La seminarion partoprenos pli ol 50 instruistoj kaj skoltestroj. La celo de la seminario estas, ke la ĉeestantoj de la seminario povu poste gvidi bazan kurson al la gelernantoj en siaj lernejoj aŭ skoltaj grupoj. La seminario signifos grupan diskutadon, kun la angla kiel laborlingvo, ĉar oni en la lokaj lernejoj gvidas kursojn en la angla lingvo. La ĉeforganizanto proponos al la seminarianoj, ke oni uzu ankaŭ la lokajn lingvojn, tiel lernante ankaŭ en la gepatraj lingvoj. Oni jam komencis la antaŭ-preparadon. Interesiĝantoj kontaktu:

*Venkatesh Reddy, No. 216, Off main Road, Whitefield, Bangalore 66, Karnataka, <esperovr@yahoo.co.in>*

### Brazilo

Pro manko de mon- kaj homrimedoj, de multaj jaroj la brazila instrufako de ILEI agadas tre loke. Spite al tiaj malfaciloj la sekcianoj de ILEI-BR de kelkaj monatoj entreprenas grandan klopodon por rompi tiun regionan kloŝon kaj eniri la lernoĉambrojn de la brazila instruistaro. Antaŭ tiel aŭdaca paŝo kaj kontinenta dimensio de la lando, oni nepre devis alianciĝi al la plej modernaj rimedoj de la informadika mondo. Sekve de tio jam estas lanĉitaj tri komunikkanaloj per kiuj la enlanda instruistaro povas

interŝanĝi siajn enklasajn travivaĵojn: <*http://br.groups.yahoo.com/group/ilei_brazilo*>, verke interagi: <*http://www.ileibr.org/brazilei*> kaj informiĝi pri la agado de la sekcio: <*http://www.ileibr.org*>. Estigi tiajn rimedojn estas la plej facila (kvankam temporaba) parto. Plej malfacile estas provi kunigi homojn por komuncela laboro. Tion parte pravigas la multjara izoliteco de la kursgvidantoj, kiuj iel lernis elturniĝi solaj, kaj, kreinte sian propran instruilaron, ne multe emas ĝin dividi kun aliuloj.




Por 2007 ILEI-BR pretigas pliajn 2 kanalojn, unu el kiuj estos virtuale lanĉita en la unua duonjaro. Temas pri faka libroservo destinita al kursgvidantoj de E-o. Unu ero, nome la furora verko *Manlibro pri instruado de Esperanto*, estis tiel bone akceptita de la brazila instruistaro, ke nia sekcio atendas permeson de la internaciaj eldonantoj por mem eldoni ĝin en Brazilo. Tiu ĉi kvara kanalo estas parto de la laborplano de la sekcio por la venontaj jaroj, nome instrukapabligo de E-kursgvidantoj.
Sed antaŭ ol provi enkonduki E-on en publikajn lernejojn, konsilindas, ke bone preparitaj instruantoj sin prezentu, plej antaŭe nepras, ke estiĝu komuna agado tiucela.

*Brazila ILEI-Sekcio*

## Ĉinio

La 7-an de septembro inaŭguriĝis la nova lernojaro de la *Instituto de Internacia Komunikado en la Komunikada Universitato de Ĉinio en Pekino.*
La instituto denove havas E-kurson, ĉi-foje kvar-jaran, de 2006 ĝis la jaro 2010. La inaŭguron ĉeestis estroj de *Ĉina E-Ligo* (ĈEL), la redakcio de *El Popola Ĉinio* (EPĈ) kaj *E-sekcio de Ĉina Radio Internacia* (ĈRI), s-ro *Yu Tao*, s-ino *Tan Xiuzhu*, s-ino *Yu Jianchao*, k.a.
En la kurso studas 12 studentoj (3 knaboj kaj 9 knabinoj) el diversaj lokoj de Ĉinio. Instruas veteranaj e-istoj de E-sekcio de ĈRI, redakcio de EPĈ kaj ĈEL.

## Danio

Dum la semajnfino 29/9 – 1/10 en la urbo Roskilde la dana sekcio de ILEI sub la gvidado de *Radojica Petroviĉ* okazigis E-kursojn. La porkomencantan kurson partoprenis 8, la daŭrigan 12 personoj. La kursoj ebligis la fondon de nova klubo en la urbo, kie la kurso de komencantoj nun daŭras.

*Arne Casper-Mortensen, <arnecasper@dbmail.dk>*

## Germanio

**Internacia klerigejo en Herzberg, la Esperanto-urbo**

Germana ILEI-sekcio ofertas tutjaran klerigprogramon ankaŭ dum 2007. La E-Centro en Herzberg (sidejo de AGEI, landa sekcio de ILEI) estas la oficiala filio, klerigejo de GEA, kiu ofertas programojn en la tuta jaro:

– lingvokursojn en ĉiuj niveloj (specialaj grupetoj, se min. 5 personoj anoncas sin)

– studadsesiojn, trejnadon de E-instruantoj (kun prelegoj, seminarioj pri gramatiko, lingvistiko, interlingvistiko, literaturo, historio, E-kulturo, varbado, metodologio ktp.)

– Pedagogiajn Tagojn (TORPEDo) kun fakprelegoj, spertinterŝanĝo

– ekzamenojn de UEA/ILEI kaj de Germana E-Instituto (+ preparkursojn)

Kontaktu: *Interkultura Centro Herzberg, DE-37412 Herzberg am Harz, Grubenhagenstr. 6, <esperanto-zentrum@web.de>*



*Roman Dobrzyński filmas dum la Somera E-lernejo en Herzberg*

**AGEI – ĉu estos 100-membroj?**
La Asocio de Germanaj E-Instruistoj, landa sekcio de ILEI, ekde sia refondiĝo en junio 2006 varbas por novaj membroj kaj pretigas datumbazon de E-instruantoj, instruistoj. La celo estas atingi min. 100 membrojn! Ne por ke ni simple superu tiun limon, sed por pruvi, ke nia asocio estas sufiĉe alloga por membriĝi, alstrebi, ke ni havu kontakton kun kiom eble plej multaj gekolegoj, instruemuloj en Germanio, oferti al ili niajn servojn, doni al ili pedagogian-metodikan helpon por pli efika, pli vasta E-instruado.

Kontaktpersono: *Christof Krick* (kasisto), <*christof.krick@esperanto.de*>

**E-instruado en Herzberg en 2006**
En tri lernejoj, en kvin grupoj lernis entute 86 gelernantoj. Funkciis infanklubo unufoje monate por ludmetoda instruado de 3-12-jaraj infanoj. Funkciis lingvokurso por enurbanoj 2 horojn semajne. Kvinfoje okazis intensa lernado semajnfine aŭ dum tuta semajno en diversaj niveloj por germanoj kaj alilandanoj. Kvinfoje okazis trejnkurso por klerigi E-instruantojn. Oni organizis du trejnseminariojn kun la E-instruistoj el la ĝemelurbo. Okazis internacia somera arbara lernejo (SALO): 2-semajna intensa lernado por 12-18-jaraj gelernantoj de la ĝemelurboj Herzberg (DE) kaj Gora (PL), kun aldona grupo el Hungario (entute 40 partoprenintoj). Okazis Pedagogiaj Tagoj (TORPEDo-2) en oktobro: fakprelegoj, spert-interŝanĝo, diskutoj pri lernolibroj kaj taŭgaj instrumetodoj, prezentado de propraj instruhelpiloj, plukleriga do de ekzamenantoj. La ekzamenojn de GEI entute partoprenis 34 kandidatoj, la du ILEI/UEA-ekzamenojn 22.

*laŭ Zsófia Kóródy, <zsofia.korody@esperanto.de>*

# Hungario

**La instruo de perfekta paro**

*Porinstruista perfektiĝo dum la 23-aj Pedagogiaj Tagoj de la Hungara Sekcio de ILEI kaj Metodika Seminario de edukado.net*

Onidire (ankaŭ) hungaroj estas strangaj rekordemuloj eĉ en Esperantio. En la 30-aj jaroj de la pasinta jarcento okazis amasbatalo antaŭ la prelegejo, kie la 200 lokojn jam okupis 300 personoj, sed ankoraŭ centoj volis eniri por ĉeesti seminarion de la hungardevena *Andreo Cseh.* Nuntempe mirigas la mondon la fakto, ke de jaro al jaro kvin miloj da hungaroj akiras ŝtatan atestilon pri meznivela kono (B2) de la lingvo E-o – por validigi sian



universitatan diplomon. La lastan semajnfinon de oktobro 2006 kulminis la mirakloj en Budapeŝto: en sian landon revenis profeto, kiun kvardeko da E-instruistoj volis aŭskulti tie!

Por skeptikuloj enviciĝu tamen tri kaŭzaj klarigoj almenaŭ pri tiu lasta fenomeno: la heroino de la antaŭa frazo – *Katalin Kováts* – havis grandan fakan prestiĝon jam en la 90-aj jaroj, kiel altlerneja metodologo en la hungara urbo *Szombathely*; post la internaciiĝo de ŝia kariero restis seninterrompa la rilato kun la samlandanoj (en marto 2004 okazis interesa interreta kunlaboro dum la Budapeŝtaj Pedagogiaj Tagoj pri *edukado.net*, la plurelektaj gramatikaj testoj faritaj de la partoprenantoj de la PT en oktobro 2005 estas konsulteblaj en la paĝaro de *edukado.net* ktp.); fine, akompanis ŝin *Sylvain Lelarge*, kiun oni persone ankoraŭ ne konis en tiu ĉi rondo. La seminarianoj kolektiĝis, do, kun grandaj atendoj, la du gvidantoj venis kun kofregoj da diversaj materialoj kaj kun la rutino de sukcesa kunlaboro.

*Katalin* entreprenis la taskon larĝigi la horizonton per diskonigo de historiaj kaj nuntempaj metodologiaj novaĵoj, *Sylvain* respondecis pri la korpa kaj mensa aktivigo de la ĉeestantaro. Samtempe oni povis sperti la evoluon de la hungarino en la arto de „piklingvado” [*hungarismo por bildigi ironian kritikemon*], kaj ĝui la faman spritecon kaj ĉarmon de franco.

La tempaj kadroj de la seminario (12 horoj brute, kun ĉiuj paŭzoj, kiuj fakte ne ekzistis) ne ebligis sisteme tuŝi la erojn de la lingvoinstrua metodiko. La celo de la gvidantoj estis veki la emon je rekreiĝo – metodika, sed ankaŭ tutpersoneca. Tial ni ricevis jam antaŭ la seminario instigajn hejmtaskojn; ni rememoris la tempon, kiam ni mem estis lernejanoj, kursanoj; ni denove konsciiĝis pri la diversaj inteligentecoj kaj instrukanaloj, per propraj spertoj; ni gape aŭskultis la anekdoton pri la perfekta virino kaj same la mirindan vivhistorion de *Andreo Cseh*; el televida, magnetofona, komputila kaj homvoĉa fontoj, per ĉiu palpebrumo, je ĉiu paŝo ni havis ĉirkaŭ ni grandegan intelektan kaj materian riĉaĵon, el kiu ni libere povis sorbi tion, kion ni bezonis.

La garantio de la sukcesa seminario estis, ke la profeto ne nur predikis. Ŝi ja prezentis, kiel estas ŝanĝiĝantaj la eŭropaj tendencoj de la lingvo-instruado; ŝi diris, ke ekzamenaj motivigoj de la kursanoj baldaŭ estos for pro la disvastiĝo de la memtaksaj sistemoj – sed ŝi kaj li pruvis ankaŭ tion, ke instrui kaj lerni estas bonega kaj plezuriga homa kunagado. Ili konvinkis la seminarianojn, ke tiu kolektiva laborĝojo (danke al la 21-aj jarcentaj teknikaj helpiloj) povas esti daŭrigata eĉ ekster la kadro de seminarioj.

*Márta Kovács, <kovacsm@berzsenyi.hu>*

## Litovio

La E-instruado en Vilniusa Universitato Kaunas Humanisma Fakultato daŭras. La kurson de la unua grado ekde tiu ĉi lernojaro frekventas 22 studentoj kaj tiun de la dua grado 7 studentoj. Por unu grado (du semestroj) estas destinitaj 64 akademiaj horoj (po 32 horoj dum semestro). E-o estas libere elektebla studobjekto, kiun povas elekti studentoj de ajna specialeco. La kurso valoras du studunuojn, ĉiusemajne estas unu prelego. Fine de la semestro okazos ekzameno. La kurson gvidas *Aida Čižikaitė,* la sekretariino de Litova E-Asocio. *Povilas Jegorovas, <litova.ea@mail.lt>*

## Meksiko

**Pri la kursoj de E-o en meksika universitato inter 2003 kaj 2006**

Aŭguste de 2003, mi petis klasejon por instrui E-on en la Jura Fakultato de la Nacia Aŭtonoma Universitato de Meksiko (UNAMo; *www.unam.mx*). En septembro 2003 ni komencis tie la 1-an kurson de E-o kaj finis la 29-an de novembro 2003.[4] Komencis ĝin 45, finis 29 gelernantoj. La 2-an kurson printempe de 2004 komencis 44 gelernantoj (en du niveloj), finis ĝin 11 komencantoj kaj 9 progresantoj. La 3-an kurson aŭtune de 2004 komencis 22 gelernantoj, sed pro diversaj kialoj ĝin finis neniu. La 4-a kurso printempe de 2005 estis nur por komencantoj, el la 33 gelernantoj finis ĝin 15 studentoj. En la 5-a kurso, aŭtune de 2005 lernis 29 studentoj kaj finis 14. Printempe de 2006 okazis la 6-a kurso kun 17 gelernantoj, la kurson finis 13 komencintoj. En la kurso nia metodo estis legi artikolojn el la reto,

---

[4] Danke al salutmesaĝo de *Cvi Solt*, poste mi eksciis, ke tiu kurso ne estis la unua ĉe UNAMo. Li diris al mi: „Mi lernis E-on en UNAMo je la jaro 1958 kun profesoro *Juan de Oyarzabal*".

kaj traduki ilin al la hispana. “Tiel” – diris la gelernantoj – „estas pli interesa la kurso.” (Fotoj videblas ĉe: *http://www.artefarita.net/eofotoj/)*
Dum la 6-a kurso ni fondis klubon de E-o, aranĝitan de *Hugo González Monteverde* (hugonz@gmail.com), juna venezuela esperantisto loĝanta en Meksikurbo, kaj de *Daniel Moreno* (danĉjo_m@yahoo.com), juna meksika esperantisto. La klubo havas 6 progresantajn membrojn.
La 7-a kurso komenciĝis la 19-an de aŭgusto kaj finiĝos la 2-an de decembro 2006.




*informis Luis Lorenzo Córdova Arellano*
*<luisesperanto@yahoo.com>*

## Nederlando

En junio 2006 ĉe la Universitato de Amsterdam bakalaŭre finstudis en la fako 'Ĝenerala Lingvistiko' *s-ro Orrin Duin*. Sub la mentorado de la docento pri Interlingvistiko kaj E-o, *Wim Jansen*, li verkis nederland-lingvan disertacion titolitan *Esperanto Teorie kaj Praktike*, per kiu li publikigas siajn esplorojn pri la natureco de E-o mezurita laŭ 45 propraĵoj de homa lingvo, kiujn *Greenberg* asertas universale validaj. La teksto (sen la akompana CD-ROM) estas havebla ĉe Internacia E-Instituto kontraŭ la kostoj de reprodukto kaj ekspedo.

*laŭ Atilio Orellana Rojas*

## Rumanio

EAR (kunlabore kun la rumana ILEI-sekcio) organizis la unuan E-staĝon de rumanaj esperantistoj inter la 1-a kaj 5-a de septembro 2006 en la urbo *Timiŝoara*. Ĉeestis ĉirkaŭ 40 personoj. La programo estis riĉa kaj interesa. Ekz. okazis kursoj por komencantoj kaj progresintoj. Dum la unutaga simpozio oni prezentis kelkajn prelegojn. *Mihai Trifoi* parolis pri ILEI kaj pri la „Agadprioritatoj kaj gvidlinioj de ILEI por la periodo 2006-2009".

La rezulto estis, ke varbiĝis du novaj membroj, do, en la jaro 2007 la sekcio havos 19 membrojn. Oni decidis, ke en 2007 EAR denove organizos kongreson kaj eventuale internacian metodikan seminarion (kadre de la dua E-staĝo), kun invito al kelkaj eksterlandaj profesoroj, eventuale membroj en la Internacia Ekzamenkomisiono. La evento verŝajne okazos en la trankvila kaj pitoreska loko *Vatra Dornei.*

*Laŭ la informoj de Mihai Trifoi, <trifoi@honoris.ro>*

## Svedio

**Septembra kurso en *Marston Hill***

*Ĝin aranĝis ILEI-SE, proksime al la lago Vättern (en la suda parto de Svedio) kun 22 partoprenantoj – komencantoj kaj progresintoj. Kelkajn tagojn post la kurso ĉiu komencanto ricevis 50-minutan KD-n por individua trejnado. Jen raporteto de partopreninto*:

„Miksaĵo de komencantoj, esperantistoj, lingvistoj, kaj aĝaj kaj malpli aĝaj, havis agrablan semajnfinon ĉe la kursejo *Marston Hill*, kiu uziĝis kiel lingvokursejo jam ekde la komenco de la dudeka jarcento, kiam *Charles Allwood* translokiĝis el Anglujo al Svedio. La kursejon estras *Jens Allwood* (la nepo de *Charles)*, krom sia ĉefokupo kiel profesoro de lingvoscienco ĉe la universitato de Gotenburgo. Liaj kursoj temas pri la bonkvalita vivo. *Jens* klarigis al ni ke E-o estas afero, kiu povas doni bonan kvaliton al la vivo.



La studadon gvidis *Siv Burell*, la studmaniero estis libera kaj intensa. Ni grupiĝis al tri grupoj, en ĉiu grupo estis komencantoj kaj spertuloj. La diverseco de la partoprenantoj donis instruad-eblecon al la spertuloj. La komencantoj rapide gajnis profundajn spertojn pri E-o. Fakte, post la unua tago ili povis prezenti sin mem, babili pri kutimaj aferoj kaj eĉ kompreni la enhavon de malfacilaj rakontoj. Dum la vespero *Jens* rakontis pri la historio de la lingvokursejo. *Rune Moln*

el Jönköping prelegis pri Japanio. Ankaŭ aliaj temoj pri lingvoj, gramatiko kaj E-o pritraktiĝis dum la vespero. Mi esperas, ke pluaj E-renkontiĝoj okazos tie.”

*Martin Wiss*

**Lerneja Forumo en Stokholmo**

Inter la 30-a de oktobro kaj 1-a de novembro 2006 okazis ekspozicio de la jara „Lerneja Forumo” (Skolforum) en Stokholmo, kun E-budo. En la 3x3 metrojn „granda” budo oni aranĝis „lernejon kun 6 seĝoj” kaj en ĉiu horo *Lars Forsman* donis etan lecionon [*vd. la foton!*].

Dume *Siv Sjögren* kaj *Kaisa Hansen* disdonis informmaterialojn al la preterpasantoj. Ili montris bildludon de ILEI-SE pri E-o, kaj al interesiĝantoj disdonis kelkajn DVD-jn preparitajn de *E@I*.

*Laŭ Kaisa Hansen, <kaihan@bredband.net>*

## NASK 2006: Refreŝiga Ondo de Esperanto![5]

Ĉi-jara NASK-o (Nord-Amerika Somera Kursaro de E-o) okazis sur monto, apud urbeto nomata Brattleboro (Vermonto, Usono). Entuziasmo, bonhumoro kaj petolemo radiis de la komenco ĝis la fino, malgraŭ la peza varmego. Partoprenis 25 lernantoj, plejparte el Usono, sed venis ankaŭ homoj el Japanio, Kanado, Belgio, Kroatio kaj Nepalo.

Ĉiu lernanto devis registriĝi por unu el tri malsamnivelaj kursoj. Ĉar nur la duanivela kurso okazis antaŭtagmeze (posttagmeze okazis la du aliaj kursoj), eblis partopreni E-lecionojn dum 6 horoj ĉiutage! Sed ne ĉiuj verduloj estas kapdolorĝuistoj: kelkaj pli ŝatis ĉeesti lecionojn dum nur tri horoj kaj krome promeni en arbaro aŭ naĝi en apuda rivero. La semajnfinoj estis liberaj.

---

5 Laŭ artikolo aperonta en *La Ondo de Esperanto*.

Mi preskaŭ ĉiutage partoprenis la duanivelan kaj trianivelan kursojn kaj ja povas atesti ke ambaŭ estis tre interesaj kaj lernigaj. *Sylvain Lelarge* (franco el Nederlando) talente gvidis la duanivelan kurson per kunkantado, amuzaj rakontoj kaj vigligaj ludoj. *Katalin Kováts* (hungarino el Nederlando) profesie gvidis la tutan trianivelan kurson ĉirkaŭ la vivo de la pentristo Vincent Van Gogh. *Lee Miller* (usonano el Usono), instruisto de la unua nivelo, laŭdire ankaŭ tre sperte instruis kaj dum la emociplena lasta vespero pluraj komencantoj kontentigite raportis pri siaj belegaj progresoj.
Ne nur la instruado estis altkvalita, sed ankaŭ la lernantaro. Ĉiuj diligente plenumis siajn hejmtaskojn kaj pluraj skribis artikoletojn por la "NASK-a Fasko" aŭ prezentis programerojn dum kulturaj vesperoj. Ĉiuj lernantoj emis lerni de la aliaj kaj peresperante komunikadi. Ne facilas enkapigi lingvon, kiun oni ne povas uzi ĉiutage. Pro tio, NASK-2006 estis ne nur tre agrabla sed ankaŭ tre valora sperto: la lernantoj rapide progresis, ĉar ili uzis E-on senhalte dum tri semajnoj. Pluraj NASK-anoj menciis emon popularigi E-on revenonte al siaj loĝejoj. La kialo estas simpla: se neniu krom mi parolas E-on en mia urbo, mi devos trovi esper**ont**istojn kaj kuraĝigi ilin lerni, por mem havi eblojn pluuzi ĉi tiun belegan lingvon ĝis onta NASK-o! Brattleboro peze varmegis. Tutmonde, 2005 estis la plej varma jaro de la lasta jarcento, kaj ĉi-jaro ŝajne estos eĉ pli varma. NASK-2007 okazos en San Diego.



Eĉ tie esperantistoj ne povos eskapi la rapidan tutmondan varmiĝon. Tio rememorigas min pri klera diraĵo de iu NASK-a partopreninto el Japanio: *En la 60-aj kaj 70-aj jaroj, la japania E-movado estis sufiĉe vigla, multaj junuloj ekinteresiĝis pri la lingvo; E-o estis ligata al paca idealo, tiutempe tre forta idealo en nia lando. E-o glitis sur popola ondo de pacemo. Sed la junuloj maljuniĝis, la pacema ondo kaj ankaŭ la E-movado malfortiĝis. Junaj e-istoj nun tre malmultas en Japanio, kaj ĝenerale japaniaj e-istoj havas malmultajn kontaktojn kun eksterlandanoj. La pacema japania konstitucio estas serioze minacata de nuntempaj militemaj politikistoj. Ni do urĝe devas revigligi la porpacan idealon en Japanio. Sed ankaŭ nia E-movado bezonas alkroĉiĝi al nova tutmonda, transnacia idealo; kaj tiu idealo estas media prizorgado. Kiel responsaj homoj ni rapide haltigu nian frenezan memdetruan militon kontraŭ la planedon, por savi ĝin, por savi nin. Kiel e-istoj, ni ankaŭ glitu sur pormedia ondo, sciante ke pli forta E-movado ankaŭ signifas pliajn eblecojn kunagadi pormedie kaj porpace.*

Mi tute konsentis. Ĉar NASK ebligas al ni uzi nian amatan lingvon pli lerte, internacie kaj ĝuige, ĝi vere estas refreŝiga „Ondo de Esperanto”. Dum „Ondo de Esperanto” en San Diego 2007, ni ankaŭ glitu sur tiuj mirindaj kaj emociantaj maraj ondoj kiujn nia planedo donacas al ni. Kaj, inter NASK-oj, ni plifortigu tiujn aliajn gravegajn ondojn sur kiuj la E-movado plej nature glitas.

*Boris-Antoine Legault (Montrealo, Kanado)*

## **Malgranda - sed kia amiko!** (recenzo)

*ALLÉE, Beatrice; KOVÁTS, Katalin (2006): Poŝamiko. Memoriloj – bild-vortaroj por komencantoj el la metiejo de* www. edukado.net. *Den Haag: E-duKati*[6]

Por instruistoj, kiuj volas pliriĉigi sian instruadon, jam delonge la por-instruista paĝaro *www.edukado.net* kun sia *Lerniloteko* estas bona adreso. La *Lerniloteko* intertempe entenas pli ol 400 ekzercojn. Multaj el ili provizas ne nur tre bonajn ideojn por vigla instruado, sed krome ili estas okulfrape belegaj kun koloraj bildoj, zorge elektitaj kaj bele aranĝitaj. Bedaŭrinde, la ekonomiaj kialoj de la kursaranĝoj ofte permesas nur

6 [Pliaj informoj ĉe <*redaktanto@edukado.net*> – NdlR]

nigran-blankan kopiadon. Kiel instruisto oni tamen dezirus kunmeti la kolore presitajn foliojn kiel libreton kaj doni ilin al la lernantoj por ke tiuj havu helpon kompreni kaj memori la novajn vortojn dum la lernado, kaj por ke la lernantoj havu ankaŭ poste belan memoraĵon, same kiel instigon por denove rigardi la materialon.




Teamanoj de *edukado.net* realigis nun ĝuste tiun ideon: ili kolektis la plej belajn ekzercojn kaj memorigilojn el la *Lerniloteko* kaj la *Metiejo* de *edukado.net* kaj eldonis ilin en poŝamika A6-formato. La libreto estas ne pli granda ol mia mano kaj kunporteblas pli facile ol la originaj A4-formataj presaĵoj. *Poŝamiko* – tiel ĝi nomiĝas – celas ĉefe komencantojn (infanojn kaj plenkreskulojn) kaj rekomendas al ili foliumi kaj legi en la libreto, por lerni vortojn, ripeti gramatikaĵojn kaj enkapigi parolturnojn – ne nepre laŭvice sed laŭplezure.

Kaj ja estas granda plezuro foliumi en la libreto, ĉar ĝi prezentiĝas vere tre plaĉe. Unu flanko de la plaĉo estas la ekzercoj mem, kiuj estas zorge faritaj kaj elektitaj. La temoj estas plej diversaj: post la bazaj temoj por ĉiu komencanto kiel salutoj, nombrovortoj, koloroj, tempo kaj akuzativo sekvas pli ampleksaj, gramatike orientitaj temoj, kiel komparoj, tabelvortoj, la refleksivo, prepozicioj, -iĝ/-ig kaj vortfarado. Kaj fine troviĝas vortkampoj, ekzemple pri la familio, malsanoj, korpopartoj, vestaĵoj, bestoj kaj diversaj vortkampoj ĉirkaŭ la temo manĝaĵoj. Tre utila estas ankaŭ la lasta paĝo, kie oni kolektis areton da tipaj kaptiloj por la lernanto.

Plej frape pri la libro tamen estas, ke malgraŭ la relative malgranda formato ĝia preskvalito estas tre alta. Ĉiuj bildoj estas tre klaraj, kaj aparte impresa kaj laŭdinda estas la klareco de fotoj, kiuj perfekte ilustras la situaciojn. Entute temas pri nekredeble enhavoriĉa libreto, kiu donas amason da utilaj

informoj kaj vortoj. El la vidpunkto de lernantoj ŝajnas esti eble vere progresi per tiu ĉi libreto, pro ĝia bildvortara karaktero.
Gravas la rekomendo de la aŭtoroj, ke oni uzu *Poŝamiko*-n por lerni vortojn kaj ripeti gramatikaĵojn. La lernantoj, kiuj ekuzos tiun libreton, estu jam lernintaj iom de la lingvo, aŭ en kurso aŭ mem per lernolibro. Precipe la gramatikaj ekzercoj en la meza parto bezonas trapensadon, spertojn kaj pli ol la vortprovizajn sciojn de komencanto. Ekzemple pri la akuzativo la leganto trovas pli-malpli resumitan gramatikan kampon, kiun oni kutime zorge kaj popaŝe enkondukas en kurso. Ankaŭ la verba gimnastiko, kiu montras la tempajn verbfinaĵojn per gestoj, postulas jam bazajn sciojn pri la tempoj de la verbo aŭ instruiston por doni klarigajn ekzemplojn.
Sed por instruistoj en baza kurso la eldono de *Poŝamiko* estas almenaŭ triobla donaco. Ĝi montras regulojn klare kaj memoreble, ĝi donas belajn ideojn por videbligi aliajn temojn simile kaj ĝi faciligas la kurspreparadon provizante nin per bela kaj alloga materialo, kiun oni povas doni al la lernantoj. Resume do temas pri tre plaĉa libreto, uzebla ne ĉiam sola, sed taŭga kiel subteno por jam-komencintoj kaj kiel akompana kursmaterialo.

*Birke Dockhorn, Bertilo Wennergren*

## ILEI-membraro la 1-an de novembro 2006

Albanio (1), Argentino (2), Armenio (1), Aŭstrio (5), Aŭstralio (8), Barato (1), Belgio (15), Benino (5), Bosnio kaj Hercegovino (1), Brazilo (87), Britio (10), Burundio (5), Ĉeĥio (6), Ĉinio (2), Danio (15), Dominika Respubliko (1), Ebura Bordo (1), Finnlando (18), Francio (40), Ganao (1), Germanio (90), Hispanio (1), Hungario (38), Israelo (2), Islando (2), Italio (63), Japanio (15), Katalunio (5), Kazaĥio (1), Kongo-Brazzaville (1), Kongo DR (2), Kroatio-KEL (9), Kroatio-KEU (6), Kubo (3), Latvio (1), Litovio (4), Malagasio (1), Meksiko (1), Nederlando (30), Nepalo (1), Niĝerio (1), Niĝerlando (1), Norvegio (10), Nov-Kaledonio (1), Nov-Zelando (2), Pollando (18), Rumanio (18), Ruando (1), Rusio (3), Serbio (2), Slovenio (1), Svedio (42), Svisio (19), Tanzanio (1), Togolando (3), Ukrainio (5), Usono-Kanado (35), Venezuelo (5), Vjetnamio (1)
El tiuj entute 149 personoj ricevas la revuon rete.[7]

*Informis: Atilio Orellana Rojas*

[7] Do, se mi bone kalkulis, ni havas 670 membrojn el ĉ. 60 landoj ☺ – NdlR

# Esperanto-Instruistoj por Afriko

La antaŭanonco de la konferenco de ILEI en Afriko en 2008-a trakuris afrikajn landojn tre rapide. Nuntempe oni ne plu uzas tamtamojn, sed retajn mesaĝojn, kiuj estas multe pli ĝenaj ol tamtamoj kaj iomete malpli efikaj, ĉar nur tiuj ligitaj al la reto ekscias pri la novaĵoj kaj poste devas informi aliajn. Dum oni interkontaktis cele al trovado de interkonsento pri la loko kaj la ceteraj kondiĉoj por la konferenco, ekestis la ideo (dankon, Radojica!) ankaŭ pri utiligado de la okazo por pretigi kelkajn parolantojn de E-o, por ke ili trapasu ekzamenon en la jaro 2008-a en Portonovo, Benino, dum la konferenco. Per mesaĝa tamtamado tuj kolektiĝis vera armeeto da parolantoj, kiuj volas plukleriĝi. Temas pri proksimume po 35 homoj en la 4 landoj: *Benino, Burundio, Ebura Bordo* kaj *DR Kongo*, do iom malpli ol 150 homoj. La unua ideo, por ŝpari sendokostojn, estis: ni faru la kurson rete. Sed neniam oni devas iri al la rivero antaŭ ol scii, ĉu estas krokodiloj. Fakte en ĉi tiu kazo krokodiloj estis. En Afriko retumado estas io, kion oni faras en ret-kafejoj, kie oni pagas laŭtempe kaj laŭ elpresitaj paĝoj. Sekve oni revenis al la ideo: estu koresponda kurso de la tradicia speco. La centro sendas la lecionojn kun la taskoj. La lernanto resendas la plenskribitajn taskojn. Oni korektas ilin kaj tiel plu, ĝis la fino de la kurso. Dua demando estis pri la uzota materialo. Finfine oni decidis uzi paperan version de la konata kurso *Gerda malaperis!*, kiel unuan lernomaterialon, kiu estis refasonita kun klarigoj en la franca (ja la unuaj landoj de la projekto estas ĉiuj „franclingvaj”), vortaretoj kaj kompleta vortaro internacia-franca. Poste kompreneble oni devis produkti la necesajn ekzemplerojn kaj sendi ilin al Afriko, kaj tiel oni komprenis, ke la karapaco de testudoj kaj poŝtoficejoj estas same malmolaj, ĉar nuntempe la poŝtoficejoj postulas altajn sumojn kaj longajn tempojn por porti ion al Afriko. En la momento en kiu mi skribas, la centroj en la unuopaj landoj estas organiziĝantaj por la sendo de la unuaj kvin lecionoj al la lernantoj. Korektantoj de la faritaj taskoj momente estis trovataj enlande por malpliigi la koston de la sendo de la taskoj. En posta fazo oni enŝaltos ankaŭ eksterafrikanojn. Kompreneble la karavano ĵus ekiris. La tuta kurso daŭros ĝis 2008 kaj post la unuaj lingvaj ekzercoj per *Gerda*, oni transiros al alispecaj scioj pri historio de la movado, aparte en Afriko, pri literaturo kaj pri instrumetodoj. En ĉi tiu momento ni atendas financadon de *Fondaĵo Hans* pri la kostoj ligataj al ĉi tiu projekto, kiu estas la unua praktika efiko de la ILEI-konferenco du jarojn antaŭ la evento.

Se vi volas helpi la tutan aferon, skribu al:

*La Afrika Oficejo de UEA, BP 416, Lokossa-Mono, Respubliko Benino, tel: +229 22 41 02 29*. Retadreso*: afrika.oficejo@uea.org*.

*Renato Corsetti*

# La 40-a Konferenco de ILEI,
# 11 – 19 aŭgusto 2007, Ranzan, Japanio

*Jen pliaj detaloj pri la Konferenco:*

**Pri la konferenca urbo *Ranzan*:** *Ranzan* – kun ĉirkaŭ 20mil loĝantoj – situas meze de la monteta regiono en la gubernio *Saitama*, 60 km-ojn nordokcidente de *Tokio*, je 65 metroj super la nivelo de la maro. La urbo estas bone konata pro la ravino *Ranzan-keikoku*, kie oni povas ĝui belegan pejzaĝon kreitan de grandaj ebenrokoj, la rivero *Tukigawa* kaj arboj ĉirkaŭaj. La urbo havas riĉan naturon kaj tie troviĝas rezervejo de la 'ŝtata papilio' *oomurasaki* (*Sasakia charonda*). En la urbo restas kelkaj ŝintoaj temploj, kiuj apoteozas *Heian-epokan* (la 12-a-jarcentan) generalon *Kiso Yosinaka,* kaj ruinigitaj domegoj de tiuj generaloj el la 12-13-aj jarcentoj.




**Alveno:** *Ranzan* estas atingebla per la trajno de fervojlinio *Tobu-Tozyo* de la stacio *Ikebukuro* sur la JR (Japan Railway) ringolinio *Jamanote* en *Tokio*, aŭ aŭtobuse rekte de la flughaveno *Narita* al la stacio *Ŝinrinkoen* sur la fervojlinio *Tobu-Tozyo*, du staciojn antaŭ *Musaŝiranzan*, la plej proksima stacio al nia konferencejo *Ŝtata Eduk-Centro por Virinoj.*






*1. Narita — Ŝinrinkoen — Musaŝiranzan — Konferencejo*
Aŭtobuso ekiras je la $15^{20}$, $16^{40}$, $18^{30}$, $20^{50}$ de *Narita*, ĉirkaŭ 2,5 horoj da veturado, ĝi kostas 3 800 enojn (25 EUR) ĝis *Ŝinrinkoen* kaj 1 EUR ĝis *Musaŝiranzan*, dekminuta veturado per trajno.

*2. Narita — Nippori (fervojlinio Keisei) — Ikebukuro — Musaŝiranzan*
Skyliner[8] ekiras en ĉiu 30-40 minutoj, 51 minutoj da veturado, kostas 1 920 enojn (12,4 EUR). *Nippori-Ikebukuro* sur JR ringolinio *Jamanote* bezonas 13 minutojn kaj kostas 160 enojn (iom pli ol 1 EUR).
De *Ikebukuro* al *Musaŝiranzan* per ekspresa trajno sur linio *Tobu-Tozyo* bezonas unu horon kaj kostas 700 enojn (4,5 EUR).

De la stacio *Musaŝiranzan* al la konferencejo oni povas iri piede dum ĉ. 15 minutoj. Oni povas preni taksion ĉe la stacio kaj tio kostas 600-700 enojn (4-4,5 EUR). (Atentu, ke ĉiuj kostoj estas en aŭtuno 2006.)

**Vetero:** Estas sufiĉe varme, la temperaturo facile atingas 30-35 C°-gradojn kaj ofte pluvegas vespere en tiu sezono. Kunporti ombrelon estas konsilinde.

**Konferencejo kaj tranoktejo:** La konferenco okazos en la *Ŝtata Eduk-Centro por Virinoj, 728 Sugaja, Ranzan-mati*. Ĝi situas ĉirkaŭ 15 minutojn piede aŭ 5 minutojn taksie de la stacidomo *Musaŝiranzan*. La centro estas bone ekipita per multaj konstruaĵoj, en vasta tereno, kaj certe ĝi estas unu el la plej bonaj staĝejoj en Japanio. Ĉiuj partoprenantoj de la konferenco uzos la Centron ankaŭ por tranoktado.
Por tranokti en la sama centro ekzistas la jenaj eblecoj:

| | |
|---|---|
| — unu-lita ĉambro kun banejo | 20,00 EUR |
| — du-lita ĉambro kun banejo | 18,00 EUR |
| — du-lita ĉambro sen banejo | 17,00 EUR |
| — japanstila ĉambro por du homoj kun banejo | 18,00 EUR |
| — japanstila ĉambro por 4-5 homoj sen banejo | 17,00 EUR |

Tiuj prezoj estas por unu nokto por unu persono. Matenmanĝo ***ne estas*** inkluzivita.

**Manĝoj:** Ni rekomendas antaŭe mendi la manĝojn: la matenmanĝo kaj tagmanĝo mendeblas kontraŭ po ***6,5 EUR*** kaj la vespermanĝo kontraŭ ***8,5 EUR***. Restoracioj preskaŭ ne troviĝas ĉirkaŭ la konferencejo. La ***15-an*** de aŭgusto, kiam okazos tuttaga ekskurso al *Nikko*, ni ne mendas manĝojn por tiuj, kiuj ekskursos. Tiuj, kiuj restos en la konferencejo, povas mem mendi manĝojn pagante surloke (ne antaŭe), por la 15-a de aŭgusto. (Bonvolu elekti, ĉu Vi mendas ekskursojn kun manĝoj, aŭ Vi restos en konferencejo kaj mem mendos manĝojn surloke.) Ankaŭ la ***16-an*** kaj ***18-an*** ni tagmanĝos dum la ekskurso — ne en konferencejo.

[8] Speciala ekspreso ekiras 20-minute, 68 minutoj da veturado, ĝi kostas 1mil enojn (6,5 EUR).

Estas rekomendate antaŭmendi la jenajn manĝojn en la restoracio de la Centro:
– la 11-an: vespermanĝo
– la 12-an: matenmanĝo, tagmanĝo, vespermanĝo
– la 13-an: matenmanĝo, tagmanĝo, vespermanĝo
– la 14-an: matenmanĝo, tagmanĝo, (bankedo), vespermanĝo nur por tiuj, kiuj ne mendas bankedon
– la 15-an: Tuttaga ekskurso al *Nikko*, en la restoracio manĝoj nur por tiuj, kiuj ne ekskursos
– la 16-an: matenmanĝo, (tagmanĝo ekstere), vespermanĝo
– la 17-an: matenmanĝo, tagmanĝo, vespermanĝo
– la 18-an: matenmanĝo, (tagmanĝo ekstere), vespermanĝo
– la 19-an: matenmanĝo

**Akvo:** Trinkeblas akvo rekte de la urba akvodukto, kaj krome, tie kaj ĉi tie ankaŭ en la konferencejo estas trinkakvaj instalaĵoj. Se vi ŝatas mineralan akvon, vi povas aĉeti unu botelon da akvo (0,5 l) kontraŭ pli-malpli 120 enoj (0,8 EUR).

**Monŝanĝo:** En Japanio oni uzas japanajn enojn. Vi ne havos ŝancon ŝanĝi vian monon en *Ranzan*, do estas rekomendinde ŝanĝi vian monon ĉe la flughaveno (1 EUR=148 enoj, 1 USD=118 enoj; la kurzo estas por la nuna tempo, ĝi povas ŝanĝiĝi).

**Sanservoj:** En Japanio eksterlandanoj sen ŝtata sanasekuro ***vizitante kuraciston devas pagi la tutan sumon*** kaj reveninte hejmen ili devos iri kun kvitanco al la propra asekurkompanio por rericevi monon. Bonvolu mem prizorgi sanasekuron en Via lando kaj kunporti ilin al Japanio.

**Medikamentoj:** Se vi uzas preskribitajn medikamentojn, bonvolu kunporti kuracistan recepton en la latina lingvo. Konsilindas havi recepton de la kuracisto ankaŭ por la kazo, se Vi portas medikamentojn trans landlimojn.

**Sekureco:** Kompare kun grandaj urboj en eŭropaj landoj, Japanio estas sekura lando. Tamen esti singardema pri mono kaj havaĵoj estas kompreneble preferinde.

**Elektra tensio:** La elektra tensio estas 100-volta. La formo de elektra konektilo estas tiel nomata *Formo A*. (Vidu TTT-paĝon de Jokohama UK *http://www.k4.dion.ne.jp/~uk2007/espe/jokohamo.htm*).

**Vojaĝo de *Jokohamo* al *Ranzan* post UK la 11-an de aŭgusto:** De la plej proksima stacio de la UK-kongresejo, *Pacifiko Jokohamo,* al la stacio *Musa-ŝiranzan,* kie troviĝas la ILEI-konferencejo, la veturado kostas nuntempe 1 500 enojn (ĉ. 10,5 EUR). Oni devas ŝanĝi trajnon dufoje, kio estas iom malfacila kun granda valizo. Tamen trajnoj iras akurate, eĉ dum la mezo de aŭgusto, tre speciala semajno en Japanio.

**Ekskursoj:**
**TT: *Nikko*** (la 15-an de aŭgusto, merkrede) *Prezo: 65,00 EUR*
*Nikko*, registrita kiel *Monda Kultura Heredaĵo de Unesko* en 1999, estas konata kiel unu el la plej famaj vidindaj lokoj en Japanio. Ĝi troviĝas en la norda parto de *Kanto*-regiono, ĉ. 100 km-ojn de *Ranzan*. La plej elstaraj monumentoj en *Nikko* estas ŝintoisma templo *Futarasan-zinzya*, la *Rinnoizi*-templo, kaj la plej malnova konstruaĵo tie estas la sanktejo *Toŝogu* konstruita en 1636 por apoteozi la unuan ŝogunon *Tokugawa Iejasu*. Ni vizitos tiujn ĉi tri konstruaĵojn kaj certe altiros viajn okulojn *Joumeimon-Pordego*, pompa kaj superba konstruaĵo ornamita per 500 gravuraĵoj, nacia trezoro *Dormanta Kato* gravurita sur la lintelo de *Toŝogu*, kaj multaj aliaj kulturaj heredaĵoj.
**DT1: *Kawagoe*** (la 16-an de aŭgusto, ĵaŭde) *Prezo: 20,00 EUR*
*Kawagoe*, alinome *Koedo (eta Edo*[9]*),* situas 30 km-ojn nordokcidente de *Tokio* en la gubernio *Saitama*. La urbo konservas la etoson de la Edo-periodo (17-19-aj jarcentoj), kie troviĝas multaj temploj, malnovaj butikoj. Unu el la vidindaĵoj en la urbo estas ligna sonorilturo *Tokino-kane,* kiu origine konstruiĝis en la mezo de la 17-a jarcento. La nuna turo estis rekonstruita en 1894, tuj post la granda brulego de la urbo.
**DT2: piede tra *Ranzan*** (la 17-an de aŭgusto, vendrede) *Prezo: 5,00 EUR*
Ni piediros ne tra la urbocentro, sed aliflanken al la ravino *Ranzan-keikoku*, kie fluas la rivero *Tukigawa*. Ĉirkaŭate de arboj kaj freŝa aero ni refreŝiĝos kaj ĝuos la naturon japanan. Poste ni vizitos papilian rezervejon kaj observos *oomurasaki* kaj densejon de japandevenaj arboj. Eble ni povos vidi tiujn papiliojn flugadi, ĉar *oomurasai* flugadas nur inter la mezo de junio kaj aŭgusto.
**DT3: *Ogawa*** (la 18-an de aŭgusto, sabate) *Prezo: 21,00 EUR*
La urbo *Ogawa* jam longe estas konata pro japana tradicia papero *waŝi*. En *Saitama Artmetia Centro*, kiun ni vizitos, ni povas vidi, eĉ mem sperti, se vi volus, la faradon de *waŝi*. Ni ankaŭ ĝuos ekspozicion de multaj diversspecaj japanaj tradiciaj artmetiaĵoj kaj ilin povas aĉeti en la butiko apud la *Artmetia Centro*.

**Bankedo:** komuna vespermanĝo en bona japanstila restoracio. La prezo ***50 EUR*** por *A-landanoj* kaj ***30 EUR*** por *B-landanoj*. La restoracio ofertas perbusan servon por venigi kaj revenigi nin. Oni bezonas nur kelkajn minutojn de nia konferencejo al la restoracio.

**Pago, aliĝo[10]:** Kiun ajn vojon vi elektas por pagi, bonvolu informi la kasiston tuj kiam vi faras vian pagon: *Sjoerd Bosga, Trådragargatan 27 D, SE-72337 Västerås, Svedio*, <*sjoerd@esperanto.se*>. Bonvolu **prefere** aliĝi pere de la reta aliĝilo (*http://ilei.info/konferenco/alighilo2007.php*), ĉar tio helpas al la organizantoj eviti

[9] Edo estis la ĉefurbo de Japanio inter la 17-a kaj 19-a jarcentoj.
[10] Informo pri la kotizoj kaj la aliĝilo aperis en IPR 06/3! – NdlR

erarojn, kaj ĉiuj informoj metitaj de Vi mem, estos ĝustaj. Pliaj informoj kaj ĉiuj novaĵoj konsulteblas en la retejo de ILEI *www.ilei.info/ konferenco/.* Por la limdatoj kaj aliaj kondiĉoj validas la dato de ricevo de la kompleta pago ĉe la ILEI-Kasisto. **Aliĝilo sen kompleta pago ne estos traktata.**

**La kotizo ne estas repagebla**, senkonsidere ĉu la aliĝinto ne povas partopreni la Konferencon pro propra volo aŭ pro iu ajn ekstera kaŭzo, eĉ se la Konferenco ne okazas aŭ okazas en alia urbo. Ankaŭ malsaniĝo ne rajtigas je ajna repago, nek iu ajn alia kialo. **La kotizo ne inkluzivas loĝadon, ekskursojn kaj eventuale aparte pagendajn aferojn**, pri kiuj informoj kaj mendiloj aperis/os en IPR.

La kotizo inkluzivas nenian asekuron. Bv. zorgi pri tio en Via lando!

**Konferencaneco ne estas transdonebla al alia persono.**

Por mendoj atingantaj nin post la 1-a de majo 2007 oni devas aldone pagi 40,00 EUR! Post la 1-a de junio 2007 ni ne plu povos por vi mendi tranoktejon. Se al tuttaga ekskurso aliĝos ne sufiĉa kvanto de partoprenantoj, ĝi povas esti nuligita.

**Se oni malaliĝas plej malfrue unu monaton antaŭ la konferenco, oni ricevos sian aliĝkotizon kaj 80 % de la pagoj (por la kovro de la organizaj kostoj); se oni malaliĝas ĝis 14 tagoj antaŭ la konferenco, estos redonataj 60 % de la pagoj, sed ne la aliĝkotizo; ĝis 1 tago antaŭ la konferenco (kaj pli poste) la aliĝinto ricevos neniom.**




<u>**Difinoj**</u>:

***Membro de ILEI***: tiu kiu jam pagis kotizon al ILEI por la jaro, kiam okazas la konferenco.

***Junulo***: tiu, kiu naskiĝis post la 1-a de januaro 1977 inkluzive.

<u>**Konferenca Regularo**</u>

(*ekstrakto*):

6. Konferencanoj devas fari nenion, kio kontraŭas la Konferencan Regularon aŭ malutilas al la ILEI-Konferenco kaj devas submetiĝi al la leĝoj de la lando, kie okazas ILEI-Konferenco.

7. Ĉiu vendado de varoj en ILEI-Konferenco bezonas antaŭan aprobon de la Estraro, kiu starigas la kondiĉojn. Skriba peto pri tia agado estu liverita al la Estrarano pri Konf-oj nepre antaŭ la 30-a de junio de la konferenca jaro.

Plie legeblas: *http://www.ilei.info/dok/regularo_konferencoj.rtf?lingvo=eo*

**Bonvolu** neniam **skribi** al la konferencejo, sed **nur al la estrarano pri konferenco**j: ***Aida* Čižikaitė**, *Zamenhofo 5, LT-44287 Kaunas, Litovio;* <*aidute@mail.lt*>; tel. *(+370 37) 208503*, faks. *(+370 37) 209145*, portebla tel. *(+370) 616 15991* aŭ **loka ĉeforganizanto *Tieko* Isikawa**, *Tate 1-6-6-103, JP-353-0006 Siki-si, Saitama-ken, Japanio.*

LABORKOMISIONOJ
Ekzamena: Probal Dasgupta (prez.), Boris Grigorjevič Kolker (vicprez.), Reza Torabi (sekr.), Mireille Grosjean, Julián Hernández, Jorge Antonio Leoni de León, Oliver Mazodze
Elekta: Tieko Isikawa, Ana Montesinos de Gomis, Aurora Bute
Kontrola: Ulla Luin, Bengt Jonsson, Marianne Westman
Lerneja: Carola Antskog, Luigia Madella, Ermanno Tarracchini, Mihai Trifoi
Regulara: Marija Belošević, Rob Moerbeek, Atilio Orellana Rojas
Terminara: Maŭro La Torre, Miroslav Malovec
KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ
EEU: Eŭropa Esperanto-Unio. Komisiito pri instruado kaj rilatoj kun ILEI: Carola Antskog, Brokärrvägen 89, FI-25700 Kimito, Finnlando, cantskog@kolumbus.fi
E@I (Esperanto ĉe Interreto, www.ikso.net): faka sekcio de TEJO (www.tejo.org, poŝtadreso ĉe UEA).
FIPLV (Internacia Federacio de Instruistoj de Vivantaj Lingvoj):
Reprezentanto de ILEI: Jennifer Bishop, esperanto@Education.monash.edu.au
IEI: Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando.
TEJO: Observanto de TEJO ĉe ILEI: François Hounsounou (adr. sur p. 40., Benino).
UEA: Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando. www.uea.org. Observanto de ILEI ĉe UEA: Radojica Petrović. A-komitatano el ILEI: Atilio Orellana Rojas. Observanto de UEA ĉe ILEI: Claude Nourmont. Reprezentanto de ILEI en la Afrika Komisiono de UEA: François Hounsounou
UNESKO (en operaciaj rilatoj). Reprezentantoj de ILEI: François Lo Jacomo, 72, quai de la Loire, FR-75019 Paris, francois.lojacomo@wanadoo.fr; Monique Arnaud, Ecole Chemin de l' Espéranto, Les Pelloux, FR-05500 Benevent et Charbillac, monique.arnaud@tiscali.fr; Jean-Pierre Boulet, 17 Av. de la Dordogne, FR-63800 Cournon d'Auvergne, tel.: (+33) 4 73 84 90 60; Mireille Grosjean, Temple 20 pf. 9, CH-2416 Les Brenets, tel/fakso: (+41 32) 932 18 88, mireille.grosjean@rpn.ch
MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ
Membreco kostas 18 EUR en A-landoj (laŭ UEA-difino) kaj 9 EUR en B-landoj, kun ricevo de 4 numeroj de IPR jare. Kun aliro nur al reta versio, membreco kostas 4 EUR (A) kaj 2 EUR (B). Bonvenaj estas donacoj al la fondaĵoj de ILEI, konferencaj pagoj kaj abonoj por Juna amiko. Sekciestroj en trideko da landoj akceptas membrigojn kaj donacojn; simile, perantoj por Juna amiko akceptas abonojn enlande. Por pagoj rekte al la internacia ILEI informu skribe al la kasisto de ILEI: Sjoerd Bosga, Tråddragargatan 27D, SE-723 37 Västerås, Svedio. Tel.: (+46 21) 41 70 45, sjoerd@esperanto.se.
La pagoj povas okazi pere de konto de ILEI ĉe UEA, aŭ al la sveda konto.

* Pagoj al konto de ILEI ĉe UEA: Pri pagmanieroj vidu informojn en la Jarlibro de UEA. Atentu pri aldono de sumo por bankkostoj. Indiku vian nomon kaj landon, mallonge la celon de la pago, kaj unu el la tri kontoj ilek-a (ĝenerala), juna-l (Juna amiko), pike-b (projekto Interkulturo).
* Pagoj al la sveda bankkonto: El Svedio pagu al konto 8327-9, 994 515 014-3 ĉe Föreningssparbanken. El aliaj landoj pagu al IBAN SE56 8000 0832 7999 4515 0143 kun BIC/SWIFT kodo SWEDSESS. Aldonu 6 eŭrojn por svedaj bankkostoj se vi pagas el ekster Eŭropa Unio.
* Simpla abono de IPR sen membreco: 18 EUR. Reklamtarifoj por IPR: 180 EUR por plena, 110 EUR por duona kaj 70 por kvarona paĝoj. Tio inkluzivas bazan grafikan pretigon: kostojn de ekstra pretigo oni rajtas fakturi. Sekcioj reklamante edukajn projektojn rajtas peti trionan rabaton.
ILEI estas jure registrita ĉe la Komerca Ĉambro en Den Haag sub numero 27.181.064.
Hejmpaĝo de ILEI: http://www.ilei.info

REDAKCIAJ INFORMOJ
Respondeca eldonanto (verantw. uitgever): Iwona KOCIĘBA, Graaf de Fiennesln 54, BE-2650 Edegem. Presado: Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, tel: (+32-3)-234 34 00.
Redaktejo: NÉMETH József, HU-8531 IHÁSZ, Fő u. 41/5. Rete: <jozefonemeth@yahoo.com>, http://www.ilei.info/ipr/; tel: (+36-89) 356-050. La revuo aperas ankaŭ kasede registrita por leghandikapuloj. Informas: Rob MOERBEEK, Zwaansmeerstraat 48, NL-1946 AE Beverwijk, <r.moerbeek@wanadoo.nl>.
La numeron ni sendis al la presejo la 15-an de novembro 2006, redaktofino por la sekva numero: 15.01.2007.

SEKCIOJ
Albanio: Vasil Pistoli, c/o Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, AL-Tirana, selimibardhyl@yahoo.com
Aŭstralio: Penny Vos, 511 Wyn¬dham Lane/Kanoona, Candelo NSW AU-2550, penivos@yahoo.com
Belgio: Iwona Kocięba, Graaf de Fiennesln 54, BE-2650 Edegem, iwona.kocieba@telenet.be
Benino: François Hounsounou, BP 226 BJ-Lokossa-Mono, Rep du Benin, West Afrika, hounfranc@yahoo.fr
Brazilo: Antonio Felix da Silva, Rua Engenheiro Francisco Azevedo, 243, Sumarezinho - São Paulo – SP, BR-05030-010, geinstruistoj@ileibr.org
Britio: Tellier Angela, 10 Marina Gardens, GB IP11 2HW Felixstowe, Suffolk,

angela@esperantoeducation.co.uk
Ĉeĥio: Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratíškovice 938, melicharkova@quick.cz
Ĉinio: Zhang Danchen, General For¬eign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan, zdchen@public.wh.hb.cn
Danio: Arne Casper-Mortensen, Bryggervangen 70, 4. tv. DK-2100 Kobenhavn, arnecasper@dbmail.dk
Finnlando: Carola Antskog, Dragsfjärdvägen 690, FI-25700 Kimito, cantskog@kolumbus.fi
Francio: Michel Dechy, 65 allée de la crémaillère, FR-59650 Ville¬neuve d'Ascq, michel_dechy@hotmail.com
Germanio: Zsófia Kóródy, Esperanto-Centro, Grubenhagenstr. 6, DE-37412 Herzberg/Harz, zsofia.korody@esperanto.de
Hungario: József Németh, Fő u. 41/5, HU-8531 Ihász, jozefo.nemeth@gmail.com
Irano: Hamzeh Ŝafii, P.O. Kesto 17765-184, IR-Teheran, ilei.ir@esperanto.org
Italio: Luigia Oberrauch Madella, via Prampolini 8, IT-43100 Parma, silkovojo@aliceposta.it
Japanio: Isikawa Tieko, 103, Tate 1-6-6, Siki, Saitama JP-353-0006, isksanjo@ff.e-mansion.com
Katalunio: Pedro M. Martin Bututxaga, Arnau Gatell 2-4-2, ES-17300 Blanes, ileicat@hotmail.com
Korea Resp.: CHO Sung Ho, Department of Biology, Inha Universitato, Incheon KR-402-751, shcho@inha.ac.kr
Kroatio/KEL: Marija Jerković, Jarunska 6, HR-10000 Zagreb, mjerkovic@net.hr
Kroatio/KEU: Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb, ilei_kroatio@teacher.com
Kubo: Marta Alonso Gutiérrez, Malecón 659 entre Belascoaín y Gervasio; CU-10200 Ciudad de La Habana, kubesp@enet.cu
Nederlando: Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, iei001@tiscali.nl
Norvegio: Anne-Karin Bondhus, Baldersveg 3C, nr 17, NO-7033 Trondheim, anne.k.bondhus@itk.ntnu.no
Pollando: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow, mmajerczak@gmail.com
Rumanio: Mihai Trifoi, Str. Principala Bl.1 Ap.3, RO-527116 Bixad/Jud. Covasna, trifoi@honoris.ro
Rusio: Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000, mirina@online.ru
Svedio: Siv Burell, Lekstorpsv. 46 E, SE-443 41 Graabo, s.burell@telia.com
Svislando: Mirelle Grosjean, Grand-rue 9. Pf. 9, CH-2416 Les Brenets mireille.grosjean@rpn.ch

Togolando: Attiogbe-Agbemadon B., Mensah, T. I. E. To, B.P. 13169, Lome-TOGO, esp.togo@cafe.tg
Ukrainio: Nina Daniljuk, prospekt Sobornosti, 32-108, Luck-26, UA-43026, nina_daniljuk@ukr.net
Usono kaj Kanado: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521 (US), dorothyh@west.net
Venezuelo: Andrés Turrisi, Cen.Res.Puerta del Este.Torre, Oeste, piso15, ap.153, Av.Madrid, VE-1070 La California Norte, Caracas, andesp@internet.ve

REPREZENTANTOJ
Armenio: Lida Elbakjan, Moldo-vakan 26/2, kv.52, AM-375062 Erevan, LIDELB@freenet.am
Barato/Hindujo: Venkatesh Reddy, No. 216, Off main Road, Whitefield, Bangalore 66, Karnataka, esperovr@yahoo.co.in
Bosnio kaj Hercegovino: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V,
BA-71000 Sarajevo
Ĉilio: Héctor Campos Grez, Casilla 903, CL-3340000, hecg@uea.org
Estonio: Helgi Hromova,
Pk. 623, EE-12602 Tallinn
Islando: Loftur Melberg Sigurjónsson, Traðarberg 13, IS-221 Hafnarfjörður, loftur@skyrr.is
Israelo: Gian Piero Savio, 13/4 Menora-str. IL-53490 Givatajim, saviogp@zahav.net.il
Kongo DR: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P.13, CD-Lukala, Bas-Zaïre
Kostariko: Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José, tikoguau@gmail.com
Litovio: Algimantas Piliponis, Kavoliuko 3-93, LT-04325 Vilnius, piliponis@centras.lt
Meksiko: José de Jesús Corrales C., Belice 116, Fraccionamiento Guadalupe, Durango, Dgo. jdjcorrales@yahoo.com.mx
Nov-Zelando: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, NZ-6001 Wellington 1, gwenda.s@ihug.co.nz
Portugalio: João Jose Santos, Apartado 123, PT-5301-902 Bragança, joaojosesantos@gmail.com
Serbio: Radojica Petrović, Bul. oslobodjenja 36, 32000 Ĉaĉak, radp@ptt.yu
Slovenio: Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana, Marija.Zlatnar@guest.arnes.si
Uzbekistano: Eugeno S. Perevertajlo, Abon. jashik 140, Poĉtamt, UZ-700000 Taŝkento, CIS, esperuzo@mail.ru